# Enhavo



# Vi trovos

du invitojn kunagi informade: parlamentaj elektoj en Eŭropo kaj plurlanda librolanĉo donas okazon por tio (p. 41-42). Des pli gravas aktiviĝi, des pli urĝas "varbi" per informado, ĉar nia tutmonda movado plurloke suferas malkreskojn: dum en la plej multaj pagipovaj landoj la movado maljuniĝas, en Orienta Eŭropo kaj Ĉinio (p. 43) pro la ĉiutaga urĝo de pangajno ĝi ŝrumpas ĝis la kvanto kutima en okcidentaj landoj — sen ties pagipovo. La rezulton montras nia membrotabelo (p. 46).

Sed ja multaj el ni — kiel Lenke Szász en Rumanio (p. 50) — "ne deziras amason da iaj ajn homoj", ĉar "pli gravas homa kvalito ol kvanto". Ŝi fidas — kaj ni fidu kun ŝi — ke, sen falsaj kompleksoj, restante "amikaj, helpemaj en niaj rilatoj", ni ĉiam sukcese varbos homojn emajn apogi la idealon de interhoma harmonio. La demando restas tamen: ĉu ili estas tiel malmultaj?

*La kovrilo:* Korea tamburisto vokas al Seulo, kie la kongresajn diskutojn kadros la temo "Azio en la mondo". Prepare legu la raportojn sur p. 42-43.


**esperanto**

Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio
(en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,50 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1900, 1/2 p. 1050, 1/4 p. 575, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Eksterakovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.
**Telefakso:** (010) 436 17 51.
**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.

**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (ĝiroficejo Den Haag).

**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.

**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.

**Estraro de UEA**

**Prezidanto** (kunordigado, reprezentado): prof. d-ro John C. Wells, 5 Poplar Road, London, Britio SW19 3JR; tel. (081) 542 0302; telefakso (081) 715 4010.

**Vicprezidanto** (landa kaj regiona agado): d-ro Ulrich Lins, Gemarkenstr. 150, DE-51069 Köln, Germanio; tel. (0221) 680 32 50.

**Ĝenerala Sekretario** (strategia planado): s-ro Ian Jackson, 29 Graham Road, Chiswick, London, Britio W4 5DR; tel. (081) 995 6244; telekso 8959991 coward g; telefakso (071) 726 8561.

**Estrarano** (informado, eksteraj rilatoj, CED): s-ro Mark T. Fettes, 695-B King Edward Avenue, Ottawa, Ontario, Kanado K1N 7N9; tel. (613) 565 9282; telefakso (613) 565 9279.

**Estrarano** (financo): s-ro Hans Bakker, Kastelenstr. 231-II, NL-1082 EG Amsterdam, Nederlando; tel. (020) 642 18 53.

**Estrarano** (azia agado): prof. d-ro So Gilsu, Yangchon PO Kesto 11, Seoul — 158-600, Korea Respubliko; tel. kaj telefakso (02) 646 5413.

**Estrarano** (kulturo, kongresoj): s-ino Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio; tel. (06) 39 72 61 98; telefakso (06) 39 72 61 69.

**Observanto** (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj [ILEI]): s-ro Stefan MacGill, Eső u. 7 III, HU-1034 Budapest, Hungario; telefon-mesaĝoj kaj telefaksoj per HEA, (1) 14 16 305.

**Observanto** (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo [TEJO]): s-ro Danny ten Haaf, Witte de Withlaan 11, NL-2341 SP Oegstgeest, Nederlando; tel. (071) 154143.

*Informado:*

# Testu viajn eŭro-kandidatojn

**En junio ĉi-jara oni aranĝos elektojn por la Eŭropa Parlamento en la dek du membroŝtatoj de la Eŭropa Unio. Certe multaj el la UEA-membroj kiuj vivas en tiuj landoj (pli ol triono de nia membraro) vizitos la balotejojn. Ĉu inspiros ilin iniciato lanĉita de Germana Esperanto-Asocio en ĝia revuo *Esperanto aktuell* (94/1), kies realigon ni rekomendas ankaŭ en aliaj eŭropaj landoj? Antaŭ ol doni vian voĉon, ekkonu la opinion de viaj kandidatoj pri la eŭropa lingvoproblemo, pri Esperanto!**

En majo 1991 la 69-a Germana Esperanto-Kongreso en Munkeno rezolucie akceptis dek tezojn pri la lingvoproblemo en la EK, kiuj spegulas la lingvopolitikan vidpunkton de Germana E-Asocio (GEA). Temas pri eldiroj kiujn esperantistoj apenaŭ povus malkonsenti (vd. sur p. 42). La eŭropaj elektoj donas elstaran okazon por diskonigi ilin, same en Germanio kiel en aliaj EU-landoj.

En elektokampanja periodo politikistoj devas esti, se ne plej akceptemaj, almenaŭ plej aŭskultemaj al la ideoj de siaj elektantoj — en sia propra intereso. Kaj tiuj ja rajtas demandi, buŝe aŭ skribe, kiel opinias la kandidatoj pri plej diversaj temoj. Ekzemple, pri la lingvoproblemo.

Konsiderante tion, GEA alvokis siajn membrojn sendi la dek tezojn al la lokaj eŭro-kandidatoj, por ke tiuj responde klarigu sian starpunkton pri la temo aŭ indiku pri kiuj tezoj ili konsentas. Ĉar estas atendeble ke la politikistoj plejparte evitos respondi temotrafe, oni rekomendas persone instigi ilin, ĉu alparole dum elektokampanjaj kunvenoj, ĉu skribante leteron al ili.

GEA celas kolekti la respondojn (kaj ne-respondojn) de la kandidatoj kaj aperigi ilin en *Esperanto aktuell* antaŭ la elektoj.

Ni ricevis informojn pri pluraj similaj iniciatoj individuaj el diversaj EU-ŝtatoj. Kial do ne vastigi la "kandidat-kaptan" kampanjon de GEA al laŭeble ĉiuj EU-landoj, de Danio ĝis Portugalio?

Ĉiu ja povas relative simple eltrovi la adresojn de la lokaj kandidatoj — ekz. helpe de reprezentejoj de la partioj aŭ el la gazetaro — kaj sendi al ili personigitan varianton de la ĉi-sekva letero (p. 42), kun traduko de la "Dek tezoj". La literoj "EK" en la titolo ne estas eraro, ĉar la rezolucio datiĝas el 1991. La vorto "planlingvo" (9. Tezo) psikologie ne taŭgas en iuj landoj, kaj anstataŭeblas per "internacia lingvo", "interlingvo", "helplingvo", "vehikla lingvo" ktp. Menciante la originon de la tezoj, oni prefere aldonu ke ili konformas al la ideoj de esperantistoj *en ĉiuj EU-landoj*. Referencoj al verkoj pri la lingvoproblemo povas utili, ekz. al la novaj libroj de Eco kaj Piron (vd. ĉi-sube), aŭ al tiuj indikitaj en jul-aŭg. 1992 (p. 131).

Estus ideale se la landaj asocioj povus zorgi pri nacilingva traduko *(daŭrigo sur p. 42)*

# Eco kaj Piron: gravaj referencoj

En novembro (p. 181) R. Corsetti raportis pri "la dua plej bela vespero en sia vivo", nome la italia lanĉo de *La ricerca della lingua perfetta* ("La serĉado pri perfekta lingvo"), la lasta libro de Umberto Eco. La ĉ. 400-paĝa volumo prezentas la multspecajn provojn en la eŭropa historio krei, rekrei aŭ retrovi lingvon "perfektan", filozofie pli taŭgan ol la "naturaj" lingvoj.

Esperanto okupas elstaran lokon en la verko: al ĝi la aŭtoro dediĉas plejparton de la antaŭlasta ĉapitro ("Internaciaj helplingvoj"). Eco detale informas pri la origino kaj la "optimumigita gramatiko" de E-o, aludante ĝiajn ideologian fonon kaj hodiaŭan vivantecon. Li atentigas ke, historie, la lingvoj "trapuŝis sin pro kaŭzoj grandparte eksterlingvaj", nome ekonomiaj kaj politikaj, kaj diras ke E-o "povus ekfunkcii kiel internacia lingvo pro samaj kaŭzoj", ekz. pro politika decido enkonduki internacian helplingvon en Eŭropo — kion li opinias ne malebla.




Evidente, la libro povos multe valori por nia informado, precipe en la periodo kiam ĝi aperos, plimalpli samtempe (probable en marto), en pluraj landoj: ĉe C. H. Beck (Munkeno) germane, Basil Blackwell (Oksfordo) angle, Crítica (Barcelono) hispane, kaj Seuil (Parizo) france, en la serio "Konstrui Eŭropon".

Al la aktivuloj de la Informa Reto ni jam dissendis novajleteron kun teksto adaptebla por loka informado. Tiu instigo adresiĝas al homoj ne nur en la menciitaj lingvoteritorioj: apero de nova Eco-libro estas tutmonde rimarkata. Al ĉiuj kromaj petantoj ni volonte sendos tiun cirkuleron, sed ankaŭ la intervjuo aperinta en nia revuo (1993 feb., p. 20) kaj la menciita artikolo de Corsetti donas bonajn elirpunktojn.

Estas rimarkinde ke la eldonejo Edistudio akiris la rajton de E-lingva eldono, kaj planas surmerkatigi jam en Seulo la esperantigon de Daniele Mistretta (tradukinto de *La dezerto de la tataroj* de Buzzati, aperonta same ĉe Edistudio). En venonta numero ni publikigos fragmentojn el la ĉapitro "Internaciaj helplingvoj".

Ankaŭ Claude Piron elpaŝos per grava verko en marto: la franclingva *Le défi des langues. Du gâchis au bon sens* ("La defio de la lingvoj. De fuŝa funkciado al sana prudento") aperos ĉe L'Harmattan en Parizo. Laŭ la aŭtoro, la libro estas unika referencverko pro sia plurfaka pritrakto — lingva, politika, socia kaj psikologia — de la lingva komunikado interpopola kaj interŝtata. ★

de la tezoj kaj provizi ĝin al la petantoj, aŭ eĉ surpreni la organizadon en sia lando. Tamen, la Informa Fako de UEA pretas kunordigi la kampanjon laŭ siaj ebloj: ni atendas sinanoncon de tradukontoj, same kiel raportojn pri respondoj de eŭro-kandidatoj.

Ekagu nun: kontrolu ĉu viaj estontaj eŭro-deputitoj atingas la necesan alton laŭ lingvopolitika mezurilo!

*MODELA LETERO*

*Ali Ulo*
*Str. Zamenhof 1.*
*NN-9876 Esperantoville*
*X.X. 1994*

*Estimata sinjor(in)o,*

*Kiel civitano kun aparta intereso al Eŭropo-politiko, mi turnas min al vi por informiĝi pri la starpunkto kiun prenas vi kiel kandidato kaj via partio rilate eŭropajn demandojn.*

*Precipe interesas min via sinteno koncerne la lingvoproblemon en la EU. La demando de oficialaj lingvoj en la EU-institucioj estas jam urĝa, kaj fariĝos des pli urĝa post la ebla aliĝo de pluaj ŝtatoj.*

*Sed ankaŭ la kompreniĝo inter la civitanoj mem daŭre funkcias tre nekontentige, malgraŭ ĉiuj fortostreĉoj en la lingvoinstruado kaj malgraŭ la pera rolo kiun la angla lingvo parte sendube plenumas.*

*Lastatempe pli kaj pli da verkistoj (kiel Umberto Eco) kaj lingvistoj (kiel André Martinet) opinias favore pri la internacia lingvo Esperanto, laŭdante precipe ĝian kulturan valoron kaj la fakton ke ĝia rolo ne limiĝas al la perado de unu difinita nacia kulturo. Mi mem parolas ĉi tiun lingvon de multaj jaroj kaj povas nur konfirmi tion. Krome, Esperanto estas pli facile lernebla ol ĉiuj aliaj lingvoj, kaj tamen ne malsuperas ilin rilate esprimkapablon kaj riĉecon je nuancoj.*

*Interesus min, do, via sinteno koncerne la lingvoproblemon en la EK, kaj tio kiel vi vidas la ĉi-rilatan rolon de Esperanto. Tiucele mi aldonas "Dek tezoj pri la lingvoproblemo en la EK" de Germana Esperanto-Asocio, kaj mi petas vin sciigi al mi kiugrade vi povas subteni tiujn tezojn.*

*Atende je via respondo, amike salutas*

*N.N.*

## Dek tezoj pri la lingvoproblemo en la EK

1. *Tezo:* Ekzistas lingvoproblemo en la EK. La nuna sistemo de naŭ oficialaj lingvoj en la EK ne estas longdaŭre konservebla; pro tio ĝi ankaŭ nun ne estas konsekvence realigata, kiel montras simbole la eŭropa pasporto.

2. *Tezo:* Koni plurajn fremdajn lingvojn estas dezirinde. La plejmulto da homoj lernas maksimume tri fremdajn lingvojn.

3. *Tezo:* Elektante la lernotan lingvon, la plejmulto da homoj preferas la plej disvastiĝintajn lingvojn, des pli ke la lerneja oferto limigas la elekton i.a. de la devigaj lingvoj.

4. *Tezo:* Elit-lingveco (en la senco de limiĝo al kelkaj, sed ne al ĉiuj nun oficialaj lingvoj) kiel solvo de la lingvoproblemo en la EK igus la malpli ofertatajn aŭ malpli disvastiĝintajn lingvojn perdi terenon.

5. *Tezo:* Ĉiu membroŝtato de la EK havas pravan kulturan kaj ekonomian intereson pri la uzo de sia propra lingvo en- kaj eksterlande, kio konkurencas kun la samdirektaj interesoj de la aliaj.

6. *Tezo:* Elit-lingveco (en la senco de limiĝo al kelkaj, sed ne al ĉiuj nun oficialaj lingvoj) kontraŭdirus la principon de egalrajteco kaj la interesojn de tiuj membroŝtatoj kies lingvo ne apartenas al la plej disvastiĝintaj.

7. *Tezo:* Majoritata decido de la lingvodemando favore al elit-lingveco, estante malrespekta al la rajto de lingva egaleco, estus pravigebla nur se mankus alternativo.

8. *Tezo:* Ĝis nun apenaŭ konsideratan solvon de la lingvoproblemo en la EK povus alporti interkonsento pri unu neŭtrala pontlingvo por la internacia komunikado: ĉe plena egalrajteco ĉiu irus iomete en la direkto de la aliaj, kaj ĉiu povus ŝirmi sian gepatran lingvon kontraŭ superrego de aliaj lingvoj.

9. *Tezo:* La rolon de pontlingvo povus plenumi la planlingvo Esperanto, kiu dum sia pli ol centjara elprovado montriĝis eksterordinare esprimkapabla kaj, ĝuste por eŭropanoj, facile lernebla.

10. *Tezo:* Per tio povus okazi grava antaŭenpaŝo en la lingva kampo al la unuiĝo de Eŭropo.

*Azio:*

## Ĉina movado: survoje, sed kien?

**Dum aŭtuno 1993 Sabira Ståhlberg vojaĝis en norda Ĉinio tri monatojn studocele. Ŝiaj observoj baziĝas sur diskutoj kaj impresoj el Pekino — kie dum kelkaj semajnoj preskaŭ ĉiutage ŝi estis en la oficejo de Ĉina E-Ligo (ĈEL) —, Chengde (250 km-ojn nordoriente de Pekino), kaj la nordokcidentaj provincoj Interna Mongolio kaj Gansu.**

Ekde kelka tempo Ĉinio praktikas malferman politikon kaj liberigon de la merkato, kio praktike signifas ke estas pli facile private komerci kaj gajni monon. La socio rapide ŝanĝiĝas, ĉar la nova vivo ja postulas pli da laboro, pli da rezultoj, pli da mono. La angla penetras la konscion de la ĉinoj, kaj nun jam milionoj lernas ĝin. Same multaj sakras pri ĝia malfacileco, kaj ĝiaj lernintoj konstatas ke ĝi reale ne alportas tiom da mono kiom ili imagis.

## Bharata lernilo

Bangalora Esperanto-Centro, kiu aktive laboras de antaŭ tri-kvar jaroj (vd. 1992 dec., p. 211), lanĉis la lernolibron *Let's Learn Esperanto* de P. V. Ranganayakulu la 27-an de dec. en Bangaloro, la ĉefurbo de la suda ŝtato Karnataka en Hinda Unio.

La libron prezentis registara altrangulo, prof. Seŝagiri Rao, d-ro Probal Daŝgupto kaj la aŭtoro. Daŝgupto eksplikis al la ĉeestantoj kiel E-o utilos al bharatanoj ne nur por rilatoj trans la nacilimoj, sed ankaŭ inter la lingvoregionoj de nia lando. Ranganayakulu klarigis ke jam ekzistas E-lerniloj en la bengala, sed Federacio Esperanto de Bharato ne kapablas eldoni ion en aliaj bharataj lingvoj. Tamen, kiuj interesiĝas pri E-o tiuj kutime jam scias la anglan, kaj tial la libro, almenaŭ provizore, utilos al la movado. *Let's Learn Esperanto* jam akireblas en diversaj librovendejoj en Bharato kaj estos baldaŭ havebla ĉe la Libroservo de UEA.

**P. V. Ranganayakulu (Bharato)**

Sekve, la homoj havas ĉiam malpli da libertempo. Multaj movadanoj entiriĝis en hektikan laborvivon, koste de movada agado. Pesimismaj voĉoj plendas pri stagno, aŭ eĉ pri pereo, de la movado en Ĉinio. Homoj ne plu volas lerni Esperanton, oni ne plu organizas kunvenojn, ne plu aperas diversaj gazetoj, kaj neniu plu emas ion fari por Esperanto — tion oni diris al mi konstante. Laborestroj ne plu akceptas foreston pro Esperanto, kiun ili konsideras hobio farenda ekster laborhoroj. Tial pro la grandaj distancoj kaj longaj vojaĝtempoj malfacile okazas nun renkontiĝoj sur alia nivelo ol loka, ĉar la ĉinoj havas malmulte da liberaj tagoj dum la jaro.

Por partopreni aranĝojn ankaŭ mono necesus. Nu, la salajroj ja altiĝas (kvankam ne same rapide ĉie!), sed plejparte forvaporiĝas en la novajn prezojn kaj ne sufiĉas por tiaj vojaĝoj.

Tiu evoluo trovas pli fruan paralelon en Orienta Eŭropo, kie la movado ne sukcesis pluvivi tiom amasa kiom ĝi iam estis: homoj ekhavis aliajn prioritatojn en la vivo. Same, en Ĉinio Esperanto ne estas tiel privilegia kiel antaŭe, nek tiom unika kiel "eksterlanda" lingvo.

*La Mondo*, la organo de ĈEL, plu aperadas en Pekino, sed ĝia abonantaro malkreskas, ĉar multaj sentas ke en la fora ĉefurbo oni ne scias kio okazas en la provincoj. (Tamen, en la redaktejo de *LM* mi konstatis ke ĝi sufiĉe penas informiĝi, sed la provincoj mem ne informas pri sia agado.) La pli revua kaj ne tiom movada *El Popola Ĉinio* aperas laŭkutime — sed suferas pro la malaperintaj samideanoj en Orienta Eŭropo. [En oktobro ni raportis — p. 166 — pri la situacio de *EPĈ*, kiu tiam starigis abonhelpan fonduson. Intertempe *EPĈ* memstariĝis de la Internacia Librokomerca Kompanio, kaj estas abonebla rekte ĉe la Distribua Fako de *EPĈ*: P.O.K. 77, CN-100037, Beijing. — *Red.*]

Post la "varmaj" jaroj ĉirkaŭ la Pekina UK (1986), la movado nun ekpaŝas pli normale, kaj ne plu kuras perdante sian spiron en rapidaj turniĝoj. En la "varmaj" tempoj multege da homoj volis eklerni la lingvon, kaj tio fruktis kursojn (eĉ televidan), aranĝojn, lernolibrojn: do, viglegan movadon. Tio ne ĉesis, nur malpliiĝis. Malaperis la amasoj, sed restis tiuj e-istoj kiuj jam antaŭe formis la veran aktivularon. Tion mi spertis vidante salonegon da lernantoj kaj aktivuloj en Chengde, kunvenante kun lokaj grupoj en la intern-mongolia Hohhot kaj la gansuaj Lanzhou kaj Zhangye, aŭ renkontante unuopulojn en aliaj lokoj.

La koncepto ke Esperanto ja ne alportas monon estas forta en Ĉinio. Tamen pluraj movadanoj provas gajni monon per Esperanto: mi vizitis la E-asocion en Chengde, kies prezidanto, Shang Junyi, laboras plentempe, kun stabo da kunlaborantoj, por gajni monon per kaj por Esperanto-agado. Ankaŭ en Xi'an, kies asocio kunlaboras kun la komerca fak-asocio IKEF (vd. 1993 feb., p. 25), okazas vigla mongajnado per komerca perado-sistemo. Sed, efektive, E-o alportas malpli da mono, ĉar ja la plejparto de la esperantistoj aliloke ne estas komercistoj, kaj eksterlandaj komercistoj parolas la anglan multe pli ofte ol E-on.

*Post la "varmaj" jaroj ĉirkaŭ la Pekina UK (1986), la ĉina movado nun ekpaŝas pli normale, kaj ne plu kuras perdante sian spiron en rapidaj turniĝoj.*

### Necesas komerci

La asocioj kiujn mi vizitis multe parolis pri tio ke ili nun mem devas gajni monon por si, ĉar ne eblas altigi la membrokotizojn (ja ne ĉiuj membroj trafis la grandan monfonton!): necesas do komerci. La e-istoj devas serĉi novajn agadmodelojn, ĉar ne plu aperas interesatoj sen varbado. Unu agmaniero estas varbi ĉe la junularo. En Ĉinio ja estas multaj gejunuloj kiuj interesiĝas kaj dum la studado havas tempon. Unuafoje en la historio de la movado ĉina, la 3-an kaj 4-an de decembro la estraro de la nova junulara asocio ĈJEA (vd. dec., p. 205) kunvenis en Pekino, tre sukcese, kun dudeko da reprezentantoj junaj el la ĉirkaŭ-Pekina provinco Hebei kaj el Pekino, por ekscii pri iliaj bezonoj kaj pri la kondiĉoj en kiuj ili laboras. Plimultigo de membroj, de en- kaj eksterlandaj kontaktoj kaj de provincaj E-kunvenoj, plialtigo de lingvonivelo: jen la fiksitaj prioritatoj. Similcele ĈEL kunvenis jam en aŭgusto kun la sekretarioj de la provincaj asocioj (vd. okt., p. 166).

La defio por la ĉina movado en la venontaj jaroj estos: kiel paŝi plu en la nova socio? Kiel agadi, kaj kiel financi la agadon? Kian rolon ludu ĈEL kaj ĈJEA por la e-istoj en la nova socia ordo? Kaj kian rolon ludu Esperanto, la esperantistoj en la ŝanĝiĝanta socio de Ĉinio?

**Sabira Ståhlberg**
**(Finnlando/Germanio)**

***Red.:*** *Plu validas nia alvoko: sendante ian sumon al la UEA-konto "cjas-u", vi povas helpi al junaj ĉinoj vojaĝi al la Internacia Junulara Kongreso en Koreio.*

## Kamboĝo konstruas



Chhim Sokha povas teni sin fiere: prezidanto de Kamboĝa E-Asocio, fondita la 12-an de junio 1993 (vd. 1993, p. 127), li konstruis oficejon por kunvenigi e-istojn. Li havas 35 lernantojn en sia kurso, kaj lerninto lia instruas kromajn 30 homojn.

*Scienco:*

# Ĉu AISIKU Seule?

La Komitato de UEA en Valencio taskis min trakti kun Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) kaj kun la Kongresa Fako de UEA por lanĉi komunan sesion de AIS kaj Internacia Kongresa Universitato (IKU), plimalpli samtempe kaj samloke kun la UK.

Komence de septembro mi venis al la 10-a San-marina Universitata Sesio (SUS) de AIS kaj prezentis proponon al la senato de AIS:



*Senatanoj de AIS en San Marino*

> "Aldone al la tradiciaj unu-horaj IKU-prelegoj okazu sesio komuna al AIS kaj IKU (eblus nomi ĝin akronime AISIKU), kiu konsistu el du kursoj kun temoj pli vastaj (sed tamen popularaj) ol la kutimaj IKU-prelegoj . . . Parto de la kurso okazu dum la UK, kadre de IKU, kaj parto tuj poste . . . kadre de AIS. Kongresanoj povos libere partopreni parton aŭ la tutan kurson. Kiuj deziros, tiuj povos akiri akademian rekonon kaj ateston de AIS."

Tia aranĝo enkondukus en la IKU novan elementon — plurhoran akademian kurson, kun studeblo pli serioza ol dum unuhora prelego; ĝi ebligus al multaj kongresanoj konatiĝi kun la scienca aktivado de AIS; kaj ĝi eble signalos komencon de utila kunlaboro inter AIS kaj UEA, post longa tempo de reciproka indiferento. Post vigla diskuto la propono estis akceptita unuanime.

Mia vizito al SUS estis interesa sperto: mi impresiĝis ke okazas ne nur sekaj akademiaj lekcioj, sed viglaj studado kaj komunikado. Ekzemple, inter la kvindeko da partoprenantoj elstaris aktiva grupo de gestudentoj el Rumanio, kiuj cetere ricevis studpoentojn por SUS en siaj hejmaj institutoj. Estis simbole ke en la solena fermo de SUS unuafoje pendis la verda flago apud la flago de San-Marino. Eble tio estis, kiel diris prof. H. Frank, signo por estonta kunlaboro inter AIS kaj UEA.

Ricevinte la aprobon kaj de UEA kaj de AIS, la afero nun kuŝas en viaj manoj. Kial? Unue, ĉar eble vi mem deziros partopreni en la komuna sesio — tiam notu ke ĝia lasta parto okazos en la posttagmezo post la fermo — kaj due, ĉar por la komuna sesio oni ankoraŭ akceptas proponojn de prelegantoj, speciale pri temoj popularaj kaj sufiĉe ĝeneralaj por logi larĝan publikon al serio da prelegoj. Resumon de la kurso kaj mallongan biografion sendu al d-ro Hans Michael Maitzen, Endemanngasse 6-18/1/24, AT-1230 Vieno, Aŭstrio.

**Amri Wandel (Israelo)**
**UEA-komisiito pri scienca aplikado**

# Por vera interkulturiĝado

Mi ĝojas pro la informoj pri la granda aprezo al E-o de universitataj vicprezidantoj de Teherana universitato (okt., p. 166). Sed ŝajnas al mi miskompreniga la titolo de tiu raporteto, "Interkulturiĝado en Irano". Ĉar tio ja ankoraŭ ne okazas, ne povas okazi, manke de samaj konsciiĝoj aliloke. La leganto tro facile povas esti kontenta pri la evoluo en Teherano kaj, tiel kontentigita, ekripozi en fotelo.

Sed li ja konsciu ke sen lia kontribuo al alilokaj samvaloraj instigoj la Teheranaj studentoj kaj profesoroj povos apenaŭ utiligi sian konsciiĝon. Kiel do estigi "la alian flankon de interrilato"? Bezone estas instigi Uneskon kaj diversajn universitatojn eldoni esperantigitajn librojn kun utilaj scioj ĉiunivelajn, sed precipe, por la teherananoj, universitatnivelajn.

La Laborgrupo pri la klerigado en la Tria Mondo eklaboris pri tio:
1. Unue bezonataj estas sciencaj

*Lingvopolitiko:*

# Pli da atento en Novjorko

La 12-a Konferenco pri Lingvo kaj Komunikado, kune organizita de Centro de Esploro kaj Dokumentado kaj la Oficejo de Konferencaj Servoj (OKS) ĉe Unuiĝintaj Nacioj, ĉi-jare okazis ne — kiel kutime — en decem-

## 28-a Konferenco de ILEI

Internacia Ligo de E-istaj Instruistoj kongresos en Universitato Kangnam de la urbeto Sin-gal, proksime al Seulo, inter la 30-a de julio kaj la 5-a de aŭgusto. La partoprenontoj veturos tien per komuna buso post la UK. La kotizo de 370 gld. (aŭ 1500 svedaj kronoj), kun 20 %-a rabato por nepagipovuloj ( = 16 000 hungaraj forintoj), inkluzivas loĝadon en dupersonaj, kore-stilaj ĉambroj kun aŭ sen lito, kaj korean matenmanĝon. La temo estos aziaj edukado kaj kulturo, kaj eblos praktiki la koreajn lingvon, artojn kaj kulturaĵojn. Altnivela metodika programo aparte celos koreojn kaj japanojn.

Petu aliĝilon de ILEI: Södra Rörum pl. 455, SE-24294 Hörby, Svedio. Kontaktu: Univ. Kangnam, Kyonggi-do, Yongin-gun, Kihung-up, Gugal-ri 6-2, tel. +82/331/281-5500; faks. /281-3604; telefone ankaŭ d-ro SO Jinsu, /283-9995.

bibliografioj de ĉiuj jam haveblaj libroj universitatnivelaj en Esperanto.

2. Due, ni faru, kunlabore kun la Teheranaj profesoroj, liston de eigotaj verkoj.
3. Trie, ni instigu Uneskon kaj aliajn instancojn al helpemo por certigi la tradukadon kaj presadon de tiuj verkoj.
4. Kvare, ni instigu ie en la mondo profesorojn verkigi siajn studentojn rekte en E-o, se tiuj laboroj celas publikigon, por rekta "interkulturiĝado en Irano" kaj aliloke.

La Teherana konsciiĝo ricevos sian plenan sencon nur se ni ĉiuj sukcesos krei la aliajn flankojn de tiu interkulturiĝado. Sentu sin alparolata (ne nur, sed precipe) ĉiu universitatano ie ajn en la mondo!

Por tiel ekagi, la sciigoj en la aludita raporto eble jam sufiĉas, sed se bezonatas pliaj informoj, bonvole direktu vin al la Laborgrupo pri la klerigado en la Tria Mondo ĉe:

**Vilhelmo Lutermano**
**Fonto Gazela**
**FR-11360 Durban-Corbières, Francio**
**tel.: +33/68-45-81-32**

bro, sed en januaro, por eviti la preman periodon kiam la Ĝenerala Asembleo troviĝas en sia finiĝa stadio.

Unu granda avantaĝo de la transmeto de la datoj estis ke la tuta konferenco povis okazi ne trans la strato, en la domo kie la oficejo de UEA troviĝas, sed en la UN-domo mem, en la ampleksa kunvenejo de la Kuratora Konsilio, kaj ke pli abunde partoprenis anoj de la UN-familio, ne tiel okupataj en januaro kiel en decembro.

Aliflanke, ĉi-jare la manko de homoj en la Novjorka Oficejo de UEA limigis nian kapablon influi la enhavon kaj direkton de la konferenco, kiu, sub la titolo "Lingvo kaj internacia komunikado en porpaca agendo", estis iom tro direktita al la interesoj nur de UN, kaj ne donis adekvatan atenton al niaj ĉefaj interesoj.

La konferenco aŭdis enkondukajn rimarkojn de Françoise Cestac, direktorino de OKS, kaj konkludajn rimarkojn de Humphrey Tonkin. La reprezentanto de la Universitato de UN esprimis interesiĝon ke UUN aperigu la referaĵojn de la konferenco.

**Humphrey Tonkin (Usono)**

# Anonciĝas ampleksaj verkoj

**La germana kuracisto Harald Schicke anoncis en pasinta junio (vd. 1993, p. 108) la lanĉon de Esperantaj faklibroj ĉe sia eldonejo MZ-Verlag. Post la furorado de sia premiera *La korpo de la homo* en la Valencia libroservo, kie ĝi estis la kvara plej vendita libro, Schicke raportas pri siaj pluaj planoj.**

La kongresa sukceso kuraĝigas min publikigi aliajn librojn, des pli ke la artikolo en *Esperanto* instigis plurajn aŭtorojn sendi siajn manuskriptojn. Samtempe inundis la eldonejon leteroj gratulaj kaj petaj. Mi ĝojis pri ĉiu el ili, sendis librojn senkoste al triamondanoj, interŝanĝe al ekssocialismaj landoj, kaj fakture al aliaj.

Alvenis deko da proponoj pri manuskriptoj. Kiuj eldoniĝos?




Jam kompostiĝis 50-paĝa libreto de Aira Kankkunen, *Klopodu kompreni min*, kun pli ol 40 ilustraĵoj, pri sinteno al aŭdhandikapitaj infanoj, sukcesa en diversaj lingvoj (11,80 germanaj markoj).

Majstra verko estas *Sanon! Sukcese kuracu vin mem per naturmetodoj* (provizora titolo) de d-ro Jaime Scolnik, konsultlibro kiun devus posedi ĉiu familio. La aŭtoro verkis ĝin en facile komprenebla lingvaĵo, ĉerpante el sia multjara sperto. La informriĉa libro ampleksas pli ol 600 paĝojn! Tio montras la problemojn kaj la riskon de la eldonejo. Tamen, helpe de multaj aĉetontoj eblos teni la prezon ĉirkaŭ 60 gm. — ne malpli, ĉar konsiderindan kvanton mi intencas donaci al triamondanoj kaj interŝanĝi kun "duamondanoj".

Tria libro, kies eldonado ankoraŭ devos venki kelkajn malhelpojn, estas *Ĝenerala organika kaj biologia kemio* de H.S. Stoker kaj M.R. Slabaugh (tradukis teamo sub gvido de R. Kent Jones kaj Doug Portmann), same ampleksa kiel *Sanon!*

En aliaj malgrandaj lingvokomunumoj certe estas similaj malfacilaĵoj kiel en Esperantujo. Kial do ne eldoni du- aŭ plurlingve, precipe se temas pri konsultlibroj? Ekzemple, ni povus prepari anatomian lernolibron en Esperanto. Tia libro konsistas plejparte el desegnaĵoj, al kiuj necesas aldoni la anatomiajn terminojn kun klarigoj en la diversaj lingvoj. Al kunlaboremuloj kiuj povus plekti kontaktojn por eldoni kaj vendi la libron en sia lingvoteritorio, mi sendos la Esperantan varianton post peto.

Parenteze: kelkaj aŭtoroj havas tute nerealigeblajn imagojn pri honorarioj. Iu serioze postulis 12,50 dolarojn por ĉiu vendita libro! Eĉ plej mondfamaj verkistoj ne ricevas tian tantiemon. Mia oferto: 5 senkostaj ekzempleroj kaj 7,5% el la eldoneja vendoprezo de la venditaj libroj.

Evidentas granda manko en la informado pri fakaj libroj. Tial mi instigas ke ĉiu eldoninto sendu senkostan ekzempleron al UEA, por la rubriko "Laste aperis" de *Esperanto*.

Ideoj abundas. Ili atendas pli da kunagantoj, kiuj helpu per ideoj, verkado, komputila tajpado, tradukado, vendado, aĉetado . . . Ek al ago!

**Harald Schicke**
**Im Heidewinkel 45**
**DE-21271 Asendorf, Germanio**
**(tel./fakso +49/4183/4653)**

# *La membraro de UEA en 1993*

| Lando | AM | IM | Sume |
|---|---|---|---|
| Albanio | – | 21 | 21 |
| Alĝerio | – | 1 | 1 |
| Andoro | – | 1 | 1 |
| Angolo | – | 5 | 5 |
| Argentino | 140 | 58 | 198 |
| Armenio | – | 7 | 7 |
| Aŭstralio | 142 | 78 | 220 |
| Aŭstrio | 38 | 53 | 91 |
| Azerbajĝano | – | 1 | 1 |
| Bangladeŝo | – | 1 | 1 |
| Belgio | 839 | 201 | 1040 |
| Belizo | – | 1 | 1 |
| Benino | – | 9 | 9 |
| Bjelorusio | – | 13 | 13 |
| Bolivio | – | 4 | 4 |
| Bosnio-Herc. | – | 42 | 42 |
| Brazilo | 170 | 362 | 532 |
| Britio | 750 | 302 | 1052 |
| Bulgario | 1100 | 49 | 1149 |
| Burundio | – | 2 | 2 |
| Centr-Afr. Resp. | – | 2 | 2 |
| Ĉeĥio | 201 | 92 | 293 |
| Ĉilio | 25 | 8 | 33 |
| Ĉinio | 1014 | 170 | 1184 |
| Danio | 177 | 102 | 279 |
| Ebura Bordo | 94 | 4 | 98 |
| Egiptio | – | 2 | 2 |
| Ekvadoro | – | 1 | 1 |
| Estonio | 80 | 52 | 132 |
| Etiopio | – | 1 | 1 |
| Filipinoj | – | 1 | 1 |
| Finnlando | 514 | 247 | 761 |
| Francio | 360 | 715 | 1075 |
| Ganao | – | 8 | 8 |
| Germanio (Okc.) | 1167 | 562 | 1807 |
| Germanio (Or.) | – | 78 | 78 |
| Greklando | 306 | 23 | 329 |
| Gujano | – | 1 | 1 |
| Gvatemalo | – | 6 | 6 |
| Gvine-Bisaŭo | – | 1 | 1 |
| Haitio | – | 2 | 2 |
| Hinda Unio | – | 23 | 23 |
| Hispanio | 511 | 248 | 759 |
| Honkongo | – | 5 | 5 |
| Hungario | 514 | 111 | 625 |
| Indonezio | – | 5 | 5 |
| Irano | – | 54 | 54 |
| Irlando | 50 | 22 | 72 |
| Islando | 39 | 45 | 84 |
| Israelo | 271 | 74 | 345 |
| Italio | 1106 | 283 | 1389 |
| Japanio | 1069 | 364 | 1433 |
| Jugoslavio | 136 | 99 | 235 |
| Kamboĝo | – | 3 | 3 |
| Kamerunio | – | 7 | 7 |
| Kanado | 107 | 115 | 222 |
| Kartvelio | – | 2 | 2 |
| Kazaĥio | – | 4 | 4 |
| Kenjo | – | 2 | 2 |
| Kirgizio | – | 1 | 1 |
| Kolombio | 110 | 17 | 127 |
| Korea Resp. | 246 | 55 | 301 |
| Kostariko | – | 3 | 3 |
| Kroatio | 108 | 83 | 191 |
| Kubo | 101 | 48 | 149 |
| Latvio | 97 | 27 | 124 |
| Libio | – | 1 | 1 |
| Litovio | 78 | 16 | 94 |
| Luksemburgio | 95 | 11 | 106 |
| Madagaskaro | – | 3 | 3 |
| Makedonio | 90 | 15 | 105 |
| Malajzio | – | 5 | 5 |
| Malto | 38 | 2 | 40 |
| Maroko | – | 1 | 1 |
| Meksiko | 34 | 14 | 48 |
| Mongolio | – | 3 | 3 |
| Nederlando | 176 | 405 | 581 |
| Nepalo | – | 25 | 25 |
| Niĝerio | – | 18 | 18 |
| Nikaragvo | – | 2 | 2 |
| Norvegio | 342 | 88 | 430 |
| Nov-Zelando | 47 | 51 | 98 |
| Pakistano | 40 | 14 | 54 |
| Papua Novgvineo | – | 2 | 2 |
| Peruo | 25 | 3 | 28 |
| Pollando | 200 | 197 | 397 |
| Portoriko | – | 1 | 1 |
| Portugalio | 154 | 26 | 180 |
| Ruando | – | 10 | 10 |
| Rumanio | – | 51 | 51 |
| Rusio | 120 | 100 | 220 |
| San-Marino | – | 1 | 1 |
| Senegalio | – | 13 | 13 |
| Singapuro | – | 14 | 14 |
| Sirio | – | 1 | 1 |
| Slovakio | 1001 | 50 | 1051 |
| Slovenio | 100 | 36 | 136 |
| Srilanko | – | 7 | 7 |
| Sud-Afriko | 45 | 15 | 60 |
| Svedio | 933 | 315 | 1248 |
| Svislando | 58 | 139 | 197 |
| Taĝikio | – | 2 | 2 |
| Tajlando | – | 2 | 2 |
| Tanzanio | – | 7 | 7 |
| Togolando | – | 36 | 36 |
| Tunizio | – | 4 | 4 |
| Turkio | – | 7 | 7 |
| Ukrainio | 156 | 42 | 198 |
| Urugvajo | – | 3 | 3 |
| Usono | 654 | 457 | 1111 |
| Uzbekio | – | 4 | 4 |
| Vanuatuo | – | 1 | 1 |
| Venezuelo | 16 | 24 | 40 |
| Vjetnamio | – | 27 | 27 |
| Zairio | 57 | 11 | 68 |
| Zimbabvo | – | 1 | 1 |
| **115 landoj** | **16041** | **7272** | **23313** |

**LAŬKATEGORIA RESUMO DE LA MEMBRO-STATISTIKO**

| Kategorio | 1992 | 1993 |
|---|---|---|
| Membro-Gvidlibro | 484 | 447 |
| Membro-Jarlibro | 1744 | 1428 |
| Membro-Abonanto | 3781 | 3687 |
| Juna Membro-Jarlibro | 425 | 407 |
| Juna Membro-Abonanto | 361 | 327 |
| Dumviva Membro | 939 | 903 |
| Juna Dumviva Membro | 16 | 17 |
| Honora Membro | 50 | 56 |
| **Individuaj membroj** | **7800** | **7272** |
| Aligitaj membroj | 14871 | 12543 |
| Junaj alig. membroj | 3937 | 3498 |
| **Membroj entute** | **26608** | **23313** |
| Societo Zamenhof | 154 | 145 |
| Abonoj Esperanto | 260 | 224 |
| Kol. abonoj Eo | 167 | 93 |
| Abonoj Kontakto | 400 | 461 |
| Kol. abonoj Kto | 640 | 214 |
| Patronoj de TEJO | 64 | 74 |
| **Kotizoj entute** | **28293** | **24524** |

Ankaŭ en 1993 la membraro falis: aligitaj membroj (AM) per 2767 kaj individuaj (IM) per 528. Malaperis jam preskaŭ duono (20 329) el la rekordo en 1987, sekve de la regreso de AM en Orienta Eŭropo. En 1993 perdis Ĉeĥio kaj Hungario, respektive 939 kaj 1600.

Inter IM plej forte ŝrumpis Pollando (-191), Brazilo (-89) kaj Usono (-50). La falo de poloj ligiĝas al ilia malpli granda partopreno en la UK. La influo de la UK videblas ankaŭ ekz. ĉe finnoj kaj svedoj. Ili apenaŭ interesiĝis pri Valencio, el kio rezultis minusoj de resp. 19 kaj 26.

Lastfoje ni alarmis pri la malkresko de IM en Britio kaj Nederlando. En 1993 ĝi eĉ plirapidiĝis, resp. per 33 kaj 31. Ankaŭ la aĝiĝanta dumviva membraro ekreduktiĝis.

Eĉ se UEA nombris 7% malpli da IM, la kotiz-enspezoj falis malpli ol 1%. La proporcio de MA(-T) kaj de landoj kun pli alta tarifo pligrandiĝis, kaj sekve la averaĝa neta kotizo kreskis de 49,65 gld. al 53,20 gld.

Laŭ mondopartoj la individua membraro distribuiĝis jene: Okc. Eŭropo 52,2% (51,1% en 1992); Or. Eŭropo 16,4 (17,2); Azio 11,8 (11,2); Norda Ameriko 7,9 (7,8); Lat. Ameriko 7,7 (8,5); Afriko 2,3 (2,2); Oceanio 1,8 (1,9).

ob

*Monda Kunagado:*

# La radikoj de antaŭjuĝo

Ke esperantistoj devus aktive kontraŭagi rasismon kaj diskriminacion ne estas penso frape nova. Sed meritas atenton la semajnfina aranĝo de Monda Kunagado, organizita de Elisabeth Schwarzer sub vere malavantaĝaj kondiĉoj, seminario kies idean sparkon Karl-Ernst Salzmann saltigis al ŝi interparole.

De la 21-a ĝis la 23-a de januaro okazis la unua kontraŭrasisma seminario por esperantistoj en la "Internacia Renkontiĝejo Ĉaskastelo Glienicke", iama reĝa feriejo en la plej sud-okcidenta angulo de Berlino, nur kelkajn dek metrojn de la fama ponto kie, dum la "malvarma milito", oni interŝanĝis kaptitajn spionojn.

Kunvenis 16 esperantistoj, junaj kaj maljunaj, germanaj kaj eksterlandaj, viroj kaj virinoj: plejparte malnovaj amikoj. "Novaj" estis sole la du trejnistoj: docentino Christiane Prochnow, kaj Siang Be, sociologo kaj, eĉ pli grave, ĉino el Indonezio studinta kaj vivinta en pluraj kontinentoj — do sufiĉe taŭga spertinto de la traktenda problemaro. La seminaria lingvo estis, bedaŭrinde, la germana.

*Alilandanoj ofte pli proksimas al la koro ol iuj samlandanoj, kondiĉe ke ili estas "samideanoj".*

Okazis neniu prelego — eĉ ne enkonduka. Anstataŭe interkonatigaj ludoj, diversaj taskoj solvendaj skribe aŭ buŝe, plej ofte plurope — kun rezult-analizoj en la plenorondo. La celo estis malkovri la radikojn de propraj antaŭjuĝoj. Ĉu ili devenas de personaj spertoj — aŭ, pli verŝajne, el nia frua stampiĝo per eduko? Al kiuj minoritatoj ni mem apartenas — ĉu ni iam spertis diskriminacion aŭ izoliĝon kiel malriĉulo, virino, handikapulo, infano, eksterlandano, samseksemulo, pli ol 40-jara, okulvitrulo, instruistido, patrino, senlaborulo? Kio min ĉagrenas ĉe homoj kiuj kondutas rasisme? Kio min ĝenas ĉe enmigrintoj? Kiujn nociojn mi ligas al la ideoj "nigra" kaj "blanka"?

Kion ni povis konkludi fine de la seminario? Ni ne eksciis sensaciajn novaĵojn kaj ne ricevis recepton kiel konduti kontraŭ huliganoj batontaj nigrulon. Sed ni ricevis imagon kiel ĉiu individuo estas koncernata de la fenomenoj timo, izoliteco, protektobezono unuflanke, kaj sento de supereco aŭ "pliboneco" aliflanke. Valorus daŭrigi kaj pliprofundigi tiun mem-esploradon.

Evidentiĝis ankaŭ ke oni povas trakti tian temon sen katedro kaj fronta instruado, kaj ke e-istoj havas pli "naturan" aliron al "alilandanoj": tiuj ofte eĉ pli proksimas al la koro ol iuj samlandanoj, kondiĉe ke ili estas "samideanoj"!

Tamen, ankaŭ en la movado ekzistas diversaj problemoj pro la diverslandeco — kaj ne nur materiaj. "Rasismo kaj Esperanto" do restas temo traktenda similmaniere.

Wera Blanke (Germanio)

*Ameriko:*

# Vundoj kaj ĝojoj en Bolivio

En la urbo Cochabamba (Bolivio) realiĝis de la 3-a ĝis la 9-a de januaro la Unua Renkontiĝo de Boliviaj Geesperantistoj, kun ĉeestantoj ankaŭ el Brazilo, Argentino kaj Svedio.

Spite ke la evento inkludis ankaŭ la 2-an Sudamerikan Tendumadon kaj la 6-an Tendumadon de Argentina E-Junularo, ĉiuj restis en urbocentra hotelo, kiu senpage disponigis ĉambron por la kunvenoj.

Ĝuste la ligila rolo de tiaj tendumadoj estis emfazita dum la diskutoj, el kiuj klare elmergiĝis la bezono kunlabori inter la E-organizoj de Argentino, Bolivio kaj Brazilo. Argentina E-Asocio promesis sendi julie kapablan instruiston por instrui en Cochabamba kaj prelegi en aliaj boliviaj urboj. Oni relanĉis la revuon *Bolivia Esperantisto*, kies unuaj du numeroj aperis antaŭ 40 jaroj. La redaktoro estas d-ro Roberto Arze el La Paz; presos kaj distribuos Koĉabamba E-Asocio.

La programon riĉigis hispanlingvaj prelegoj por la granda publiko: de Atilio Orellana Rojas pri la historio kaj karakterizaj trajtoj de E-o, de Roberto Arze pri la E-literaturo, kaj de Luiz A. de Oliveira Coelho (Brazilo) en la Rotariklubo de la urbo. Du lokaj televidstacioj kaj la tutlanda ĵurnalo *Opinión* diskonigis la eventon intereseplene, ĉi lasta eĉ kun unupaĝa artikolo pri la Esperanta literaturo. Orellana Rojas ankaŭ gvidis bazan Cseh-kurson por 21 homoj.

Pluraj ekskursoj helpis kompreni kiel la pluretna kaj multlingva Bolivio sukcesis konservi siajn kutimojn kaj kulturajn ecojn.

Revene el ekskurso, la buso kiu nin transportis, suferis akcidenton: renversiĝis, falis sur krutaĵo, kaj fine koliziis kontraŭ kampara domo. Rezultis pluraj seriozaj vundoj, ostorompiĝoj, luksacioj ktp. Malgraŭ tiu malĝoja evento, oni ĝojanime daŭrigis la kunvenojn en granda ĉambro.

Atilio Orellana Rojas (Argentino)



# Societo Zamenhof

Pasintjare 155 esperantist(in)oj subtenis la agadon de UEA per aliĝo al Societo Zamenhof. Ili ricevis dufoje leteron de la prezidanto de la Asocio kun aktualaj informoj pri ĝia stato kaj inviton al akcepto en la Universala Kongreso. Ili bonvenigas ankaŭ vin membriĝi en la Societo! La kotizon (duoblo de MA por via lando) vi povas pagi pere de via kotizperanto aŭ rekte al UEA.

*Esperantologio:*

## Pri Zamenhof en Israelo

La 3-a Mediteranea Konferenco pri Esperantologio (MKE), disvolviĝinta en Tel-Avivo dum la jarŝanĝo (31-a de dec. - 2-a de jan.), traktis la vivon kaj ideojn de Zamenhof. Partoprenis ĝin 40 personoj el 8 landoj. La konferencon organizis, kiel kutime la MKE-ojn, LF-Koop, ĉi-foje kun la partnereco de E-Ligo en Israelo, sub la aŭspicioj de la fako pri kulturaj studoj de la Tel-Aviva Universitato.

La vervaj prelegoj (kaj la komunikoj de tiuj kiuj ne povis persone ĉeesti) elstaris per profundeco, sed estis samtempe facile ĝueblaj pro la klara simpleco de ĉies lingvaĵo. Post longa enkonduka alparolo de la forestanta Louis C. Zaleski-Zamenhof, oni tuj plonĝis en la kernon de la temo per la prelego "Zamenhof kaj judaismo/cionismo" de Aleksander Manor, ELI-prezidinto, kiun sekvis "Zamenhof kaj la Babeltura legendo" (Jeremi Gishron) kaj "La filozofia idealo de Zamenhof" (François Degoul).

Post silvestra festo kun italaj kukoj kaj israelaj ŝaŭmvinoj, varmigata de la belaj voĉoj de Nikolin' kaj Tova Ben-Cvi, matene jam sekvis "Pra-esperanto 2" (David Mager), "La koncepto de lingvoevoluo ĉe Zamenhof" (Blazio Vaha), "Kion kaŝas la kongresparoladoj de Zamenhof" (Roberto Lloancy) kaj "Zamenhof, la poeto: sent-ema kaj sen-tema" (Giorgio Silfer).

En la tria mateno oni migris en aŭlon de la universitato, por ferma debato dulingva pri "Zamenhof kaj hilelismo", kie du famaj israelaj profesoroj plezurigis per eleganta interveno kaj bonega kono de Esperanto.



MKE-partoprenantoj ĉe la Tel-Aviva Universitato

Post la konferenco la partoprenantoj povis planti arbojn en la Parko de la Paco ĉe Jerusalemo, kaj ekiri al tritaga vojaĝo tra Israelo, por viziti sanktajn lokojn de Jerusalemo kaj Bet-Leĥem, la urbojn Jeriĥo, Nazareto kaj Hajfa (kie ilin gastigis fakdelegitino pri bahaismo, Michele Gregory-Zielinski, ĉe la bahaa ĉeftemplo), kaj la kibucon Maagan.

**laŭ raportoj de Anita Altherr (Italio) kaj Amri Wandel (Israelo)**

## Alvoko de Pola Radio

Kadre de agadprogramo okaze de sia 35-jariĝo, la Esperanto-redakcio de Pola Radio alvokas ĉiujn radiostaciojn kiuj uzas E-on, disponigi kiel eble plej rapide **plenan informmaterialon** pri si. Detala formularo haveblas ĉe: Pola Radio, Esperanto-redakcio, PL-00-950 Varsovio, P.O. Box 46, Pollando.

En la lastaj 2-3 jaroj la E-movado suferis konsiderindan perdon pro la malapero de kelkaj E-elsendoj. Ni ne povas rigardi kun krucitaj brakoj la konstantan ŝrumpadon de la disponebla radioforto! Ni devas entrepreni novajn paŝojn: la unua ŝtupo estu aperigo de eta broŝuro prezentanta kompletajn informojn pri la temo. Ni disponigos ĝin senpage al ĉiuj kontribuintoj.

**Andrzej Pettyn**

# Kalendaro 1994

*Por kompleta trarigardo de la venontaj aranĝoj al ni konataj, bv. konsulti la saman rubrikon ankaŭ en la pasintnovembra numero, p. 192.*

**konstante**

**E-Asocio de Estonio**, Olevimägi 12/14, EE-0101 Tallinn, Estonio; tel. 372/2/438-551

**Internacia Kultura kaj Kleriga Centro**, E-Centro de SEA, Sobotské nám. 6, SX-058 01 Poprad, Slovakio; tel. +42/92/32-419

**Karlskoga Popola Altlernejo**, Fako 192, SE-69124 Karlskoga, Svedio; tel. +46/568/50-360; faks. /37-077

**Kava-Pech**, Anglická 878, CZ-25229 Dobřichovice, Ĉeĥio; tel./faks. +42/2/991-21-26

**Kultura Centro Esperantista (KCE)**, Pf. 779, CH-2301 La Chaux-de-Fonds, Svislando; tel. +41/39/267-407; faks. /266-203

**Kultura Esperanto-Domo Grésillon**, FR-49150 Baugé, Francio; tel. +33/41-89-10-34

**Kvinpetalo**, route de Civaux, FR-86410, Bouresse, Francio; tel. +33/49-42-80-74

**Monda Turismo/Esperantotur**, str. M. Skłodowskiej-Curie 10, PL-85-094 Bydgoszcz, Pollando; tel. +48/52/415-744; faks. /415-115; teleks. 562 844 mtur pl

**tra la jaro**

**Staĝoj**, Kvinpetalo, Francio (adreso supre)

**Studaj semajnfinoj kaj Esperanto-kursoj**, KCE, Svislando (adreso supre)

**aprilo**

02-05: **49-a Kongreso de SAT-Amikaro**, Grésillon, Francio (Kultura E-domo, adreso supre; temo: "Kiel ebligi al la komencantoj transiri plej rapide kaj profite al praktika aplikado de E-o?")

04-09: **Itala semajno**, Bydgoszcz, Pollando (Monda Turismo, adreso supre; gvidas Anna kaj Renato Corsetti)

11-16: **Seminario pri Rusio, Ukrainio kaj ekologio**, Bydgoszcz, Pollando (Monda Turismo, adreso supre; gvidas Lev Medvedev kaj Olga Skobejeva)

13-15: **Kurso pri interlingvistiko**, La Chaux-de-Fonds, Svislando (CDELI, c/o Tazio Carlevaro, Viale G. Motta 32, CH-6500 Bellinzona; tel. +41/92/252-988; faks. /259-559)

14-17: **OKEJ (Okcidenta Konferenco de E-Junularo)**, Antverpeno, Belgio (Flandra E-ista Junulara Asocio, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen; tel. +32/3/234-34-00, faks. /233-54-33)



15-17: **89-a Skota Kongreso,** Ecclesmachen, W. Lothian, Britio (Ron Calder, 92 Liberton Brae, Edinburgh EH16 6LB; tel. +44/31/664-10-60)

16-17: **5-a Esperanta Printempo en Vieno,** Aŭstrio (IEM, Hofburg, Michaelerkuppel, AT-1010 Wien; tel. +43/222/535-51-45; temoj: *Poemo de Utnoa* – Herbert Mayer; Koreio – Spomenka Štimec; Cseh-metoda kurso por komencantoj – Katalin Smidéliusz)

16-17: **Seminario "La lingvo en la centro",** Jönköping, Svedio (Märtha Andreasson, Lilla Tolsereds väg 2265, SE-425 42 Hisings Kärra; tel. +46/31/571-133; prelegas Odd Tangerud, Detlev Blanke, Ebbe Vilborg k.a.)

16-17: **Nordiaj fabeloj en E-o,** Porvoo, Finnlando (E-klubo de Helsinki, Pengerkatu 18 A 86, FI-00500 Helsinki; tel. +358/90/715-538)

18-23: **Belga kaj franclingva semajno,** Bydgoszcz, Pollando (Monda Turismo, adreso supre; gvidas Marcel Delforge)

19-23: **Bonfartu ĉiutage dank' al plantoj kaj simplaj movoj,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Nicole Pairoux)

23-01: **Internacia renkonto de infanoj,** Grésillon, Francio (Kultura E-domo, adreso supre)

24: **Trilanda Renkontiĝo,** Aĥeno, Germanio (Wolfgang Bienen, Eynattener Str. 56, DE-52064 Aachen)

25-30: **Inico al botaniko,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Alain Favre)

25-30: **Muzika kaj bulgara semajno,** Bydgoszcz, Pollando (Monda Turismo, adreso supre; gvidas Dimitar Terziev)

28-01: **Junulara renkontiĝo pri biero,** Kopenhago, Danio (Jacob Nordfalk, Radmandsgade 53, 2. th., DK-2200 København N.)

29-01: **43-a Kultura Semajnfino de Sarlanda E-Ligo,** Homburg, Germanio (SEL, Querstr. 11, DE-66287 Quierschied; tel. +49/6897/62-142; temo "Asimilado de propraj nomoj" – Josef Kavka; kromaj kursestroj: Barbara Jantzen, Krešimir Barković, Eddy Borsboom)

29-01: **FLEJA-semajnfino,** Melle, Belgio (Flandra E-ista Junulara Asocio; Yves Nevelsteen, Violetlaan 7, BE-2920 Kalmthout; tel. +32/3/666-47-14; temo: "Hororo")

29-01: **Internacia Printempa Renkontiĝo de E-istaj Naturamikoj,** Skokovy, Ĉeĥio (Esperanto, M. Jira, Mechova 8-32, CZ-466 04 Jablonec nad Nisou)

29-02: **Latvia internacia printempo,** Jurmala, Latvio (Māra Timermane, Valdemāra iela 145/1-32, LV-1013 Rīga; tel. +7/022/361-395; faks. /555-983; temo "Latvio kaj latvoj hieraŭ, hodiaŭ kaj morgaŭ")

30-03: **19-aj E-aj Tagoj de Bydgoszcz kaj 9-a Junulara Festivalo pri Poezio kaj Kanzono** kaj

30-06: **10-a Internacia Simpozio pri E-turismo** (temo: "Rolo de kulturo en integriĝo de Eŭropo kaj de la mondo") kaj **Studsesio de Akademio Internacia de Sciencoj,** Bydgoszcz, Pollando (Monda Turismo, adreso supre)

30-29 majo: **Semajnoj de la hispanaj kulturo kaj lingvo,** Bydgoszcz, Pollando (Monda Turismo, adreso supre; gvidas Augusto Casquero de la Cruz, unusemajnaj kursoj)

**majo**

01-09: **Internacia lernejo,** Sankt-Peterburgo, Rusio (Ludmila Titova, 9-45 Srednegavanskij pr., RU-199106 Sankt-Peterburg; tel. +7/812/217-40-52; Ewa Bondar gvidas Cseh-kurson por komencantoj, kaj A-kaj B-nivelan kurson por Cseh-instruistoj)

03-07: **Tradukado,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Georges Lagrange)

06-08: **Printempa e-ista renkontiĝo en Altaj Tatroj,** Poprad, Slovakio (IKKC, adreso supre; kun internacia seminario de komercistoj)

11-15: **86-a Franca Kongreso de Esperanto,** Agde (Esperanto-kongreso, 4 rue Dr. Rives, FR-66000 Perpignan)



*__Literatura E-Renkonto, 12-15 majo, Germanio__*

12-15: **LITERO (Literatura E-Renkonto),** Brandenburg, Germanio (E-Jugend Brandenburg/Berlin, Berliner Str. 49, DE-14467 Potsdam; tel./faks. +49/331/24-003)

13-17: **Kongreso de Franca Katolika E-Asocio,** Moulins-lès-Metz (Jeannine Vincent, 26 bis rue Milgavie, FR-49150 Baugé; tel. +33/41-89-29-47)

20-21: **ILEI/UEA-ekzamenoj,** Zagrebo, Kroatio (Marija Belošević, Sveti Duh 130, HR-41000 Zagreb)

20-23: **72-a Germana E-Kongreso,** Kiel, Germanio (Ursula Felhölter, Lathenerstr. 4, DE-49078 Osnabrück, tel. +49/541/433-825; temo "Lerni kaj kompreni – Fremdlingvo-lernado kaj E-o")

20-23: **Pentekosto '94,** Antverpeno, Belgio (Flandra E-Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen; tel. +32/3/234-34-00; faks. /233-54-33; malstreĉa E-umado kaj urbumado)

20-23: **Pentekosta tendumado,** Ruhlsdorf, Germanio (E-Jugend Brandenburg/Berlin, Berliner Str. 49, DE-14467 Potsdam; tel./faks. +49/331/24-003)

21-23: **Ĵurasa renkontiĝo por migremaj E-familioj kaj naturamikoj,** KCE, Svislando (adreso supre)

25-29: **8-aj Esperantaj Tagoj de Staszów,** Pollando (E-klubo, Parkowa 6, PL-28-200 Staszów; tel. Andreo Sochacki +48/15/641-367)

27-28: **Sveda E-kongreso,** Höör (Sveda E-Federacio, Vikingagatan 24, SE-113 42 Stockholm; tel. +46/8/340-800; faks. /340-810)

**junio**

01-05: **Krakova Esperanta Printempo,** Pollando (E-klubo de Unesko, ul. Garbarska 1, PL-31-131 Kraków)

06-10: **E-kursoj en la somera universitato de Turku,** Finnlando (Tiina Oittinen, Puutarhakatu 26 A 11, FI-20140 Turku; instruas Andrzej Pettyn)

06-12: **16-a Ĉebalta E-ista Printempo,** Mielno, Pollando (PEA-Filio en Koszalin, pk. 30, PL-75-016 Koszalin 1)

10-14: **14-a Internacia renkontiĝo de popolaj orkestroj,** Toruń kaj Bydgoszcz, Pollando (Monda Turismo, adreso supre; kun uzo de E-o kiel pontolingvo)

11-12: **42-a Kongreso de E-istoj en Kansajo,** Ikeda, Japanio (KLEG, Sone-higasimati 1-11-46-204, Toyonaka-si, 561; tel./faks. +81/6/841-19-28)

11-18: **2-a Kongreso de Tanzania E-Asocio,** Mwanza (Costantine Mashauri, P.O.B. 23390, Dar-es-Salaam)

13-18: **9-a Somera Kurso,** Karlskoga, Svedio (adreso supre; tri niveloj)

13-20: **Internacia Muzika Seminario de MEL,** Stara Zagora, Bulgario (E-Domo de Kulturo, str. Gurko 34, BG-6000 Stara Zagora)

14-19: **Infana E-semajno,** Kemiö, Finnlando (Anna-Liisa Ali-Simola, Friskink. 2 A 33, FI-20360 Turku; tel. +358/21/387-767)

16-25: **Germana-pola-sveda E-renkontiĝo,** Międzyzdroje, Pollando (Pola E-Asocio, Pk 14, PL-70-358 Szczecin)

21-26: **Kiel organizi semajnfinojn, kongresojn,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Gian Carlo Fighiera)

22-09: **Internacia amika renkonto,** Grésillon, Francio (Kultura E-domo, adreso supre)

23-10: **Blankaj noktoj,** Sankt-Peterburgo, Rusio (Svetlana Ejst, ul. Germana 15-1-98, RU-198329 Sankt-Peterburgo; tel. +7/136-02-29)

25-26: **Manĝi laŭteorie kaj praktike,** KCE, Svislando (adreso supre; gvidas Ueli Hanni)

25-26: **25-a MUZO,** Vilnius, Litovio (p.d. 178, LT-2000 Vilnius; konkurso de originalaj prozo, poezio kaj kantoj)
25-02: **Esperanto kaj naturo,** Nacia Parko Lahemaa, Estonio (Spirita Centro AMO kaj E-Asocio de Estonio, adreso supre)
26-03: **Somera e-ista junulara tendaro SEJT-94,** Ĉernihiv-Kievo-Lvovo, Ukrainio ("Espero", st. Okt. Rev. 89-29, UA-25000 Ĉernihiv)
27-15: **Somera Kursaro,** San Francisco State University, Usono (Cathy Schulze, 410 Darrell Rd., Hillsborough, CA 94010; tel. +1/415/342-17-96; instruas Duncan Charters, Stefan MacGill kaj Joachim Werdin)
30-03: **Germana Katolika Konferenco,** Dresdeno (Dr. Michael-Könen Bergmann, Luisenstr. 75, DE-53129 Bonn; kun esperantista partopreno)

**julio**
01-04: **Seminario de Esperantlingva Verkista Asocio,** Poprad, Slovakio (IKKC, adreso supre; prelegontoj kontaktu Willem Verloren van Themaat, Volkerakstr. 38-I, 1078 XT Amsterdam, Nederlando; tel. +31/20/671-26-64; temo: "Mia verkista kariero")
02-06: **13-a Internacia Literatura Forumo,** Bratislava, Slovakio (Esperanta PEN-Centro, Pf. 117, HU-1581 Budapest; temo "La E-kabareto")
03-16: **Somera E-lernejo,** Poprad, Slovakio (IKKC, adreso supre)
04-10: **9-a Kafoklaĉa Internacia Somera Renkontiĝo (KISO),** Marburg, Germanio (Marburga Esperanto-Grupo, Kaffweg 9b, DE-35039, Marburg/Lahn; tel. +49/6421/27-889)
07-12: **Pedagogia staĝo,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Katalin Smidéliusz)
07-20: **Diversnivela lingvopraktikado,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Lucienne Durandeau, Suzanne Bourot, Georges Lagrange)
08-16: **E-kursoj de Universitato Hartford,** Connecticut, Usono (Hilda Grossman, Univ. of Hartford, 200 Bloomfield Ave., West Hartford CT 06117; tel. +1/203/768-44-01; instruas Spomenka Štimec, W.F. Orr kaj Boris Kolker)
09-15: **4-a Eŭropa E-Forumo kaj -Festivalo,** Budapeŝto, Hungario (Hungaria E-Asocio, Pf. 193, HU-1368 Budapest; tel. +36/1/268-03-06; faks. /268-03-31; okazos ankaŭ konferenco pri lingvaj minoritatoj)
09-16: **10-a Ekumena Kongreso,** Gostyń, Pollando (Józef Zielonka, Lwowska 102, PL-33-100 Tarnów)
10-15: **30-a Brazila Kongreso de E-o,** Natal (Asocio Potigvara de E-o, C.P. 291, BR-59001-000 Natal; temo: "E-o, aliro al lingvoj kaj kulturoj")

# *Forumo*



## Ni ne havu kompleksojn!



*Nia legantino reagas al la artikoloj aperintaj en nia decembra "Forumo", speciale al "Ĉu infana etno?" de Manuel de Seabra, kiu interalie asertis ke "en la E-movado . . . abundas stranguloj".*

Esperanton mi eklernis antaŭ 12 jaroj, facile kaj plezure, per la bonega lernolibro de Jozefo Horváth *30 nap alatt eszperantóul* ("En 30 tagoj Esperanton"). Mi sekvis la konsilon de la aŭtoro: tuj eklegi, ion ajn, en la lernata lingvo. Pere de miaj korespond-geamikoj mi sukcesis legi, eĉ dum la Ceauşescu-epoko, kiam ricevi libron el eksterlando ne estis laŭdinda afero. Ne veras ke "e-istoj legas tre malmulte" (M. de Seabra).

En artikolo de Horváth mi legis: "la lernado de lingvoj devas esti unu el la grandaj aventuroj de la vivo". E-o fariĝis "aventuro" de mia vivo. Pere de ĝi mi ekkonis animojn parencajn trans Uralo, en fora Siberio, en Pollando, en Belgio, en Nederlando, en Germanio, en Francio, kelkaj el ili eĉ fariĝis preskaŭ parencoj, amataj "familianoj" por miaj gefiloj.

Tiuj individuoj tute ne estas "stranguloj" — krom se oni nomas la honestecon, afablecon kaj helpemon strangaj trajtoj. Ni ekkonis persone kelkajn el miaj gekorespondantoj, kaj ĉiuj estas normalaj homoj, eble iom pli ĝentilaj, pli civilizitaj, pli kleraj ol la plejmulto el miaj samvilaĝanoj . . . Jen kial mi nervoziĝas ofte, legante ke la esperantistoj estas "stranguloj". Sed neniam mi aŭdis aŭ legis: "jen ago de stranguloj", kiam temas pri agresemo dum piedpilk-matĉo aŭ, lastatempe, eĉ ene de lernejoj.

Kompreneble, mi ne volas diri ke la esperantistoj estas bonaj, kaj la ceteraj homoj malbonaj. Sed pro kio ni havas kompleksojn kaj taksas nin stranguloj? Se la plejmulto ne aliĝas al Esperanto, ĉu mi fariĝos ridinda, se mi aliĝos? W. Auld skribas: "Kiu volas moki Esperanton, tiu ĉiam trovos pretekstojn" (*Heroldo*, 1984 apr.). Kaj alia, tre pripensinda opinio de M. Boulton: "La tipo, kiun oni povas allogi al movado tia . . . devas havi iagradan kapablon pensi sendepende, esplori ideon por si mem, ne fidi al onidiroj de eksteruloj; menson sufiĉe fortan por sin liberigi de tiu interna emo al konformismo, tiu sopiro de nia soleca, algregiĝema homa psiko simili al aliaj . . . kaj kuraĝon labori por celo, kiu, dum la nuntempo, ŝajnas senespera . . . Esperanto — racia, humane motivita, interesa — rapide allogis multajn tiajn homojn." (*Zamenhof*, 1960, p. 69-70.)*

Mi petas la artikol-skribintojn *ne demoralizi* la esperantistaron per disvastigo de falsaj kompleksoj. Ni ne havu kompleksojn! Ni estu amikaj, helpemaj en niaj interhomaj rilatoj, kaj oni havos bonan opinion pri la e-istoj. Simpatiaj homoj ĉiam sukcese varbas, eĉ se ne amason da homoj. Sed mi sincere konfesas ke *mi ne deziras amason da iaj ajn* homoj, por mi pli gravas homa kvalito ol kvanto. Kiam en 1990 aliĝis 18 gejunuloj al mia unua E-grupo, mia kolegino demandis kun miro: "Kiel vi sukcesis elekti *la plej bonajn gejunulojn* de la vilaĝo?" Ne temis pri "elekto" miaflanke, mi eĉ ne konis ilin: tiuj, *tiaj* gejunuloj aliĝis.

Kial do ni ĉiupaŝe ŝutas cindron sur la verton? Ne estas kialo! Kiu ŝatas aparteni al movado kies anoj hontas pri sia aparteno kaj prisilentas ĝin? Ni devas trovi saĝan ekvilibron inter fiero kaj honto.

Ĉu vi hontas pri via ŝatokupo kreskigi multkolorajn florojn sur via balkono? Ĉu tiu okupo estas *profitdona*? Utila? Estas same pri la "interna ideo" kiel pri tiuj floroj. Se iu demandus vin ĉu vi kredas vere ke

10-15, 17-22, 24-29 kaj 31-05: **Lingvostuda kaj feria restado por komencantoj kaj progresantoj**, KCE, Svislando (adreso supre; gvidas Anikó Gönye, Melinda Birges kaj Claude Gacond)
10-23: **Cseh-metodaj kursoj**, Grésillon, Francio (Kultura E-domo, adreso supre; gvidas Przemek kaj Ewa Bondar)
11-17: **Renkontiĝo de E-istaj Familioj**, Maribor, Slovenio (Zlatko Tišljar, SI-62000 Maribor, Kočevarjeva 12; tel./faks. +386/62/221-371)
14-15: **2-a Internacia Seminario "Survoje al ekologia etiko"**, Pekino (Sciencista-Teknikista E-Asocio, 52 Sanlihe, CN-100864 Beijing)
15-19: **42-a Kongreso de E-Ligo por Norda Ameriko**, Sacramento (ELNA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA 94530, Usono; tel. +1/510/653-09-98; faks. /653-14-68)
15-20: **10-a Internacia Metodika Seminario**, Tallinn, Estonio (D-ro Till Dahlenburg, Feldstr. 13, DE-19412 Brüel, Germanio; tel. +49/3/848-35-28; temo "Spertoj pri intensaj lingvokursoj" kaj "Pedagogia terminologio", paralele intensa paroliga kurso)
15-21: **8-a Internacia Junulara Semajno**, Kőszeg, Hungario (Hungara E-Junularo, p.k. 263, HU-8901 Zalaegerszeg)
15-22: **Intensiva prepariĝo al ILEI/UEA-ekzamenoj**, KCE, Svislando (adreso supre; gvidas Katalin Smidéliusz; ekzamenoj la 23-24-an)
15-24: **Orienta Somera E-ista Junulara Tendaro**, Krasnojarsk, Rusio (Jelena Lebedeva, ul. Dzerĵinskogo 45/6-63, RU-153025 Ivanovo; tel. +7/80932/341-913)
16-19: **12-a Sesio de la Internacia Somera E-Universitato**, Veliko Tarnovo, Bulgario (BEA, p.k. 66, BG-1000 Sofio)
16-21: **"Eŭropo-Azio '94"**, Irkutsk, Rusio (Ruslanda E-Asocio, p.k. 67, RU-620077 Jekaterinburg; tel. +7/3432/235-785, faks. /518-647 Esperanto 224501)
16-21: **53-a Hispana kongreso de E-o**, Malago, Hispanio (Andaluzia E-Unuiĝo, Pk. 864, ES-29080 Málaga; temo: "La esperantigo de la socio")
16-22: **Turisma semajno en Slovakia Paradizo**, Poprad (IKKC, adreso supre)
16-23: **Paroliga semajno**, Senica, Slovakio (Peter Bartal, J. Mudrocha 1356/23, SX-90501 Senica)
18-20: **Kio estas socilingvistiko, kaj Prezentado de enketo pri la normo en Esperanto**, Bouresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Marie-Thérèse Lloancy)
23-24: **La E-kabareto: inter Parizo kaj Budapeŝto**, KCE, Svislando (adreso supre; gvidas Giorgio Silfer)
23-30: **Somera Esperantista Feria/Familia Tendaro**, Thomsdorf, Germanio (Werner Pfennig, Fohlenwinkel 13,

iam regos amikeco kaj harmonio inter ĉiuj nacioj de la mondo, respondu ridetante, amike: "Ĉu ne estus bele? Indas apogi tian idealon."

**Lenke Szász (Rumanio)**

**Red.:** *La sekva frazo post la citaĵo estas tamen: "Kompreneble ĝi ankaŭ allogis tiun malgrandan sed ĝenan aron da nuraj stranguloj kaj neŭrozuloj, kaj eĉ kelkfoje psikopatiuloj, kiuj estas ĉiam inter la plej gravaj malhelpantoj de minoritata movado."*

# Esperanto havas nivelon



Jeremi Gishron en sia bonega artikolo "Mistiko — kaj sekteco" (dec., p. 208) akceptas malĝustan deirpunkton asertante ke "vera diferenco inter Esperanto kaj la aliaj 'naturaj' lingvoj" estas ke la unua "naskiĝis kiel skriba lingvo, kaj nur poste oni komencis paroli ĝin".

En Nederlando oni parolis en lingvo por ĉiuj komprenebla unue en preĝejaj predikoj, poste, ekde la 18-a jc., ankaŭ en prelegoj kaj aliaj oficialaj okazoj. Plejofte tiu parolata normlingvo estis *laŭtlegata skriba lingvo*. Oni ekinstruis ĝin en la lernejoj, kaj malgraŭ vigla pluvivo de la dialektoj, ĝi iĝis la kutima skriblingvo kaj poste la interlingvo en grandaj urboj. Nur en la dua duono de la 19-a jc. *"la"* nederlanda lingvo ekakceptiĝis tra la tuta lando. Do, tiurilate la nederlanda apenaŭ estas pli maljuna ol Esperanto! Ĉar neniu nederlandano nomas sian lingvon *artefarita*, ni fine devas ĉesi nomi Esperanton tia.

Post la deveno, pri la uzo: mi samopinias kun Gishron ke eternaj komencantoj domaĝas la reputacion de E-o. Kiu aĉetus produkton kiun la vendisto ne mastras?

Alian obstaklon klare indikas Manuel de Seabra samloke ("Ĉu infana etno?"): tro longe la movado sin okupis pri la konstruado de la fundamentoj per (kvazaŭ)literaturo kaj aliaj kulturaĵoj. La simplajn praktikantojn, la komunikemulojn (por kiuj E-o estis kreita!) oni pretervidis, kvankam ili konsistigas la plej grandan parton de la E-etno. Kaj ĝuste en la ne-esperantista "infana etno" troviĝas nia plej granda merkato, kiun ni devas prilabori. Mi skribas "prilabori", ĉar post la samloka artikolo "Ne venko, sed kreskigo" de Sylvan Zaft (tria sinjoro, kie estas la sinjorinoj?) mi ne plu aŭdacas skribi "konkeri".

Kvankam mi bone komprenas la porpacan pledon de Zaft, mi ne samopinias. Li mem devas agnoski ke venko (vendo) nature sekvas kreskigon. La farmisto (bredisto, faristo) kreskigas sian produkton (legomojn, grenon, kokinojn, ovojn, maŝinojn, Esperanton), sed poste li devas vendi ĝin. Se li ne sukcesas, li bankrotas. Por ke ni sukcesu, ni devas alstrebi venkon, sed ne necesas akcenti la militstrategion. Ni simple nomu ĝin moderne *merkatumado*.

Fine: la "duobla vivo" de e-istoj, kiun de Seabra mencias, ne estas necesa laŭ mia sperto. Mi parolas pri E-o aŭ la lingva problemo reage, *se* aliulo komencis paroli pri tio. Mi traktas E-on "normale" flanke de aliaj lingvoj. Tiel ekzemple ĝi estas menciita en mia referenca biografio, kune kun miaj aliaj lingvaj scioj. Dank' al tio mi ricevis mian unuan laboron en la internacia komerco. La estro diris: "Aĥ, vi parolas ankaŭ Esperanton. Tio signifas ke vi emas al internacieco. Tiajn homojn ni bezonas." Kaj tiel mi eklernis pri merkatumado profesie kaj nun povas apliki miajn spertojn ankaŭ al E-o.

**inĝ. Kees Ruig (Nederlando)**

*Red.: Komentojn pri la artikolo de J. Gishron vd. ankaŭ sub "Reagoj", sur paĝo 53.*

DE-17034 Neubrandenburg; tel. +49/395/422-13-98)
23-06: **13-a Tendaro de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista,** Sebranice, Ĉeĥio (Miloslav Šváček, Tršická 6, CZ-75127 Penčice)
24-29 kaj 30-31: **Kulturhistoria kaj turisma konatiĝo kun Ĵuraso,** KCE, Svislando (adreso supre; gvidas Claude Gacond kaj Andy Künzli)
24-30: **30-aj Baltregionaj E-Tagoj,** Pärnu, Estonio (E-Asocio de Estonio, adreso supre)
24-06: **Lernu, praktiku, perfektiĝu,** Grésillon, Francio (Kultura E-domo, adreso supre; gramatikan kaj tradukan kursojn gvidas Fernand Boyet, resp. Georges Lagrange)
30-06: **28-a Konferenco de Internacia Ligo de E-istaj Instruistoj,** Sin-gal, Koreio (Univ. Kangnam, Kyonggi-do, Yongin-gun, Kihung-up, Gugal-ri 6-2, tel. +82/331/281-55-00; faks. /281-36-04; telefone ankaŭ d-ro SO Jinsu, /283-99-95)
31-05: **Panoramo de spiritaj movadoj nuntempe,** KCE, Svislando (adreso supre; gvidas François Degoul)
31-06: **16-aj Turismaj Tagoj,** Slovakio (Esperanto-Klubo, P.O.B. B-152, SX-01241 Žilina)

**aŭgusto**

01-04: **Studadseminario de AIS San Marino,** proksime de Tokio, Japanio (Internacia Kultura Laborejo, Yosimi Umeda, Hirai 6-30-3, Edogawa-ku, Tokyo 132; tel. +81/3/36-10-58-82; faks. /36-12-60-83)
01-06: **Nordia Forumo,** Turku, Finnlando (Esperanto-societo en Turku, Puutarhakatu 26 A 11, FI-20140 Turku; internacia aranĝo kun e-ista partopreno, temo: "Vivo kaj laboro de virinoj — ĝojo kaj libereco")
03-07: **Verkista ateliero por debutantaj novelistoj,** Douresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Giorgio Silfer)
04-09: **Kroĉtrikado,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Gabrielle Dumon)
06-10: **Dua Transnacia Renkontiĝo de SAT,** Zhengzhou, Ĉinio (Wang Tianyi, Shaanxi-Gang-Chang, CN-710043 Xi'an)
06-12: **34-a Somerlernejo,** Stoke-on-Trent, Britio (Derek Tatton, Wedgwood Memorial College, Barlaston, Stoke-on-Trent ST12 9DG; tel. +44/782/372-105)
07-14: **Junularaj E-kursoj,** Prago, Ĉeĥio (Ĉeĥa E-Junularo, Jilská 10, CZ-110 01 Praha 1, resp. Germana E-Junularo, Rheinweg 15, DE-53113 Bonn, kaj Nederlanda E-Junularo, Beatrixstraat 36, NL-7511 KL Enschede; kursoj por komencantoj en la ĉeĥa, germana kaj nederlanda, kaj perfektiga kurso en E-o)
07-20: **Trigradaj kursoj,** Grésillon, Francio (Kultura E-domo, adreso supre)
07-20: **35-a Okcidenta Somera E-ista Junulara Tendaro,** Jelec, Rusio (Garik Kokolija, a.k. 34, RU-117071 Moskva; tel. +7/422-06-56)
07-20: **Somera E-lernejo,** Poprad, Slovakio (IKKC, adreso supre)
08-12: **Komenca kaj meza E-kurso,** Detroit, Usono (Sherry Wells, P.O. Box 1338, Royal Oak MI 48068; tel. +1/810/543-52-97)
11-16: **Staĝo pri informado kaj publikaj rilatoj,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Marco Picasso)
11-16: **Progresu gramatike kaj profundiĝu literature,** Bouresse, Francio (Kvinpetalo, adreso supre; gvidas Perla Martinelli)
14-18: **Kurso pri sorobano,** Grésillon, Francio (Kultura E-domo, adreso supre; gvidas Kimie Markarian)
15-21: **2-a Mezeŭropa Junulara Semajno,** Triberg, Germanio (Bernd Finger, Neuhäuserstr. 152, DE-79199 Kirchzarten; tel./faks. +49/761/63-729; temo: "Korpo kaj animo")
17-29: **30-a Internacia E-ista Feriado,** Kudowa Zdrój, Pollando (SEA, ul. Dubois 3, P.O.K. 16, PL-50-952 Wrocław; tel./faks. +48/71/226-954)
21-03: **Kursoj por instruantoj,** Grésillon, Francio (Kultura E-domo, adreso supre)



*Oksemajnaj kursoj, ekde 22 aŭg. kaj 24 okt., Svedio*

22-14 okt.: **Oksemajna kurso por komencantoj,** Karlskoga, Svedio (adreso supre; eblas ĉeesti parttempe)
23-25: **Edutech '94, Kvara Praga konferenco pri kibernetika pedagogio,** Prago, Ĉeĥio (Kava-Pech, adreso supre; laborlingvoj: angla, germana kaj ĉeĥa, parte E-o)
26-28: **Folkloro de Orienta Slovakio,** Humenné, Vihorlat, Slovakio (IKKC, adreso supre)
26-30: **64-a Itala E-Kongreso,** Vicenza (Gruppo Esperantista Vicentino, C.P. 118, IT-36100 Vicenza; temo: "Defendi la eŭropan kulturon")
27-04: **13-a Studadsesio de AIS San Marino,** San Marino (D-ro Petr Chrdle, Kava-Pech, vd. supre; kursoj kaj prelegoj en 6 sekcioj: kibernetiko, humanistiko, strukturscienco, natursciencoj, filozofio kaj morfosciencoj)
30-06: **Unua Internacia E-Renkontiĝo,** Odeso, Ukrainio (Tamara Popova, str. Jakir, 51/76, UA-270072 Odeso; tel. +7/0482/692-694)

**septembro**

03-04: **45-a Kongreso de Bulgara Esperanto-Asocio,** Karlovo, Bulgario (BEA, p.k. 66, BG-1000 Sofio)
03-10: **20-a Internacia Semajno de E-o,** Sète, Francio (Centre Culturel Espéranto de Montpellier, 5 rue du Docteur Roux, FR-34000 Montpellier; tel. +33/67-54-15-43)
08-13: **8-a Kongreso de Itala Katolika Unuiĝo E-ista,** Armeno (Mario Sola, via Brighinzio 7, IT-13100 Vercelli; tel. +39/161/255-434; temo: "La sektoj")
09-13: **Mikologia seminario,** Poprad, Slovakio (IKKC, adreso supre)
14-20: **Aŭtuna Subtatra Semajno,** Poprad, Slovakio (IKKC, adreso supre)
23-25: **Nederlanda E-Renkontiĝo,** Elspeet, Nederlando (Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard)
24-25: **Fungoj, beroj, plantoj,** KCE, Svislando (adreso supre; gvidas Alain Favre)
24-30: **20-a Internacia Foiro de E-turismo,** Bydgoszcz, Pollando (Monda Turismo, adreso supre)
26-03: **Kvara Esperantista kaj Politika Semajno,** Komańcza, Pollando (Wojciech Soczówka, Rathausstr. 92, Mariendorf, DE-12105 Berlin; tel. +49/30/706-17-23)

**oktobro**

06-09: **5-a Montkabana Renkontiĝo,** Aŭstrio (Esperanto-Jugend, Pf. 804, AT-8011 Graz)
07-09: **38-a Jarkunveno de Germana E-ista Fervojista Asocio,** Lübeck (Klaus Böhnke, Matthäistr. 7, DE-23554 Lübeck)
08-09: **81-a Kongreso de Japanaj Esperantistoj,** Tokio, Japanio (Japana E-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tôkyô-to 162; tel. +81/3/32-03-45-81; faks. /32-03-45-82)
09-22: **Aŭtuna E-lernejo,** Poprad, Slovakio (IKKC, adreso supre)
15-22: **2-a Internacia Kultura kaj Turisma Semajno,** St. Cugat del Vallès, Katalunio (Kultura Sekcio de Hispana E-Muzeo, Pk. 15027, ES-08080 Barcelona, Hispanio)
24-20 dec.: **Oksemajna kurso por progresantoj,** Karlskoga, Svedio (adreso supre; eblas ĉeesti parttempe)
26-30: **14-a Studadsesio de AIS San Marino,** Sibiu, Rumanio (Dr. Sara Reisenauer, Str. Livezii nr. 29, RO-2400 Sibiu)
29-05: **TEJO-Seminario,** Prago, Ĉeĥio (Lucie Karešová, Tylova ul. 1262, CZ-508 01 Hořice v Podkrkonoši; temo: "Regiona kunlaboro en Eŭropo – ĉu motoro por la eŭropa integriĝa procezo?")

# Reagoj



## Pri movado kaj lingvo

### Por la disvastigo de Esperanto

Al la raporto de O. Buller koncerne la prifinancajn diskutojn de la Komitato en Valencio (sept., p. 148):

1. Neniam temis pri la demando ĉu UEA statas finance sekura aŭ ne, sed pri la deziro — normala en ĉiu mastrumado, eĉ de asocioj pli riĉaj ol UEA — ke la jaraj enspezoj kaj elspezoj ekvilibriĝu, do ke la ĉiujara deficito reduktiĝu kaj fine malaperu.

2. Laŭ mi, la favora al tio Komitata decido estas relative facile plenumebla sen traŭmatoj, sen endanĝerigi la servojn. Ni fidas ke la gvidantoj de la CO bone sukcesos en tio.

3. Kiam la ekvilibro de la jara spezokonto estos restarigita, UEA ne plu devos ĉerpi el sia kapitalo por kovri deficitojn (pli ol duona miliono da gld. en la pasintaj 10 jaroj). La kapitalo kaj ĝia rentumo tiam reakiros sian normalan rolon por garantii la financan solidecon de la Asocio kaj, preter tio, por subvencii klare difinitajn eksterajn agadojn kun tutmonda perspektivo por la disvastigo de la internacia lingvo.

Gian Carlo Fighiera,
eksa estrarano pri financoj

### Artefarita kontrastigo

La teorian sociolingvistikan perspektivon el kiu J. Gishron (dec., p. 208) pritraktas E-on, mi ofte renkontis ĉe eksteruloj, ofte eĉ ĉe lingvistoj: kontrastigi E-on al la aliaj lingvoj. Sed tia sinteno mirigas ĉe e-isto kiu mem parolas nacian normlingvon tute unikan laŭ origino: la modernan hebrean. Aliaj naciaj lingvoj fariĝis normlingvoj baze de unu aŭ pluraj parolataj dialektoj, dum la hebrea estis 1700 jarojn klasika lingvo — kvankam aktive uzata — ĝis ĉ. 1900, kiam judaj koloniistoj en Palestino konscie decidis fari ĝin denove la lingvo de sia popolo.

Fakte, E-o apartenas al alia sociologia tipo ol naciaj normlingvoj. En tio ĝi similas multajn socie kaj kulture tre gravajn lingvojn, kiuj estas ĉu dialektoj, ĉu aktive uzataj klasikaj lingvoj, ĉu piĝinoj aŭ kreoloj.

Kiel diferencon de E-o kaj naciaj normlingvoj Gishron nomas la dominadon de la skriba formo. Sed de tio E-o estas nek la sola nek eĉ la plej ekstrema ekzemplo: dum E-o estas tre bone uzebla parole, la klasika ĉina estis preskaŭ nur skriba lingvo, sen norma prononco.

Ĉe tiel granda diverseco de sociaj lingvotipoj estas neniu motivo kontrastigi E-on kiel artefaritan lingvon al la aliaj lingvoj kiel naturaj.

Willem Verloren van Themaat
(Nederlando)

### Raŭmo, aŭtente

Gishron citas iom tro kripte el la manifesto de Raŭmo. La aludo povus esti miskomprenata malgraŭ la bona intenco. La precizaj vortoj estas: "Ni kredas ke la unua jarcento de Esperanto pruvis la taŭgecon de la lingvo por esprimi *ĉion*; . . . ni devos ekmontri al la mondo ke ni kapablas ankaŭ diri *ion* — ion kulture originalan kaj internacie valoran."

Giorgio Silfer (Eŭropo)

## Pri Bosnio

### Silentas samideanoj

J. Nešić, kiu "profunde bedaŭras . . ." (nov., p. 196), riproĉas S. Čolić pro liaj "pezaj vortoj" ("serbaj faŝistoj"), uzante mem la vortojn "muzulmanaj faŝistoj". Nešić predikas al *sarajevano* Čolić: "Estas malfacile decidiĝi pri la uzo de iuj vortoj kun ĝenerala senco kaj resti fidela al e-ismo." Sed ĝuste per tia esprimo ("serbaj faŝistoj") Čolić volis diri ke krimojn ne faras ĉiuj serboj, sed "nur" serbaj faŝistoj. Resti fidela al esperantismo Nešić-tipa mi ne deziras! En tia "samideanismo" unualoke estas *serbo*, anstataŭ *homo*.

E-o allogis min pro sia interna ideo. Laŭ mi, ĝi sukcesos en sia historia misio nur se ĝi strebas al kreo de novkvalitaj interhomaj, intergentaj kaj interŝtataj rilatoj. Sed la "samideanaro" tion neniam sukcesos per sia "malmorala neŭtraleco" (Čolić, samloke). Rilate la militon en Bosnio, la Movado preskaŭ nenion konkrete reagis. E-istoj "saĝe" silentas. Ili ne havas ideojn. Eĉ ne la internan.

Smail Grbo (Bosnio-Herc./Germanio)

## Pri sekso

### Sekso kaj Dio

Mi malkonsentas kun la tezo de Harold Berger (dec., p. 211) ke "Dio donis al ni la seksinstinkton por naskigo, kaj pro tio homoseksualeco k.s. vere estas nenormalaj".

Mi tute dubas ĉu Dio morale rajtas decidi kion la homoj faru. Entute mi eĉ ne scias ĉu li (ĝi, ŝi?) ekzistas. Eĉ se la Dio estus, tio ne rajtigus lin manipuli la homojn. Laŭ mi, la seksinstinkto devas servi precipe al delico, ĝuo, kontentiĝo, kaj tiamaniere al psike kaj korpe pli sana vivo. Reproduktiĝo estas nur akcesora fenomeno, ofte maldezirata. Tute ne gravas kiel oni seksumas. Tamen oni devas rifuzi perforton, devigon, same kiel malpermesojn.

Pri masoĥismo mi opinias iom singardeme: oni atentu ke sadisto ne trudu sian volon al alia persono, kaj ke la masoĥismeco de la partnero ne estu nur ŝajnigo, mensogo, preteksto de la sadisto. Ĉe seksumado oni ankaŭ atentu higienon.

Mia starpunkto ŝajnas al mi kaj justa kaj racia. En la vivo oni ne ofte havas ambaŭ kvalitojn kune.

Georgo Rada (Ĉeĥio)

### Sekso kaj civiliziteco

La salivaj priskriboj de H. Berger pri "senvesta virino" kiu "batas viron per vipo" neniel rilatas al samseksemo. Ambaŭ kondutoj estas privata afero de la plenkreskaj konsentaj homoj kiuj praktikas ilin. Cenzuro de konsentaj agoj neniel domaĝantaj la eksteran mondon estas miskutimo firme rifuzenda kaj rifuzata ĝuste de tiuj "pli civilizitaj grupoj" kies opinion s-ro Berger kredas defendi per siaj misinformitaj praepokaj predikoj.

Daniele Vitali (Italio)

## Aliteme

### Kontesto de kursestro

Atilio Orellana fakte gvidis ne Cseh-kurson dum la 29-a Brazila Kongreso (okt., p. 162), sed Cseh-seminariojn "A" kaj "B", por formi novajn Ĉe-metodajn instruistojn. La Cseh-kurson, al kiu enskribiĝis 26 homoj kaj finis 30, gvidis alia diplomita Cseh-metoda instruisto:

Roberto Resende (Brazilo)

# Laste aperis...



**Adamo kaj Eva.** János Sárközi (1932). Debreceno: Debrecena Bulteno, 1993. 42p. 21cm. Ilus. Malgranda amromano por komencantoj. 7,20 gld.

**Agorde. Poemtradukaĵoj kaj komponaĵoj.** Stefán Sigurðsson (1901). Reykjavík: IEA, 1991. 49+13p. 21cm. 46 poemoj kaj 13 kantoj islandaj. 23,10 gld.

**Blankaj aŭroroj.** Koĉo Racin (1908-1943). El la makedona trad. Nikola Rašić. Skopje: Makedona E-Ligo, 1993. 39p. 20cm. Poemoj: fortaj kaj vivaj bildoj de makedonaj homoj kaj pejzaĝoj. 4,80 gld.

**Denaska dulingveco. Konsiloj por gepatroj.** Red. Renato Corsetti. Roterdamo: UEA, 1993. 21p. 29cm. Respondoj al la plej oftaj demandoj koncerne dulingvan edukadon de infanoj. 7,20 gld.

**Esperanto-Katalogo. Libroj kaj aliaj eldonaĵoj.** Rotterdam: UEA, 1994. 160p. 21cm. Priskribo de la pli ol 3200 eroj haveblaj ĉe la Libroservo de UEA. 9,00 gld.

**Esperanto-russkij slovar'.** Boris Kolker (1939). Moskva: Impeto, 1993. 54p. ISBN 5-7161-0002-3. 20cm. Ĉ. 3 000 vortoj. 6,00 gld.

**Esperplenaj koroj.** Div. aŭtoroj. Sofio: Pres-Esperanto, 1992. 63p. 21cm. Verkoj originalaj kaj tradukaj de dudeko da Plovdivaj e-istoj. 9,00 gld.

**Fraŭlino de Scuderi** (1820). E.T.A. Hoffmann (1776-1822). El la germana trad. Reinhard Haupenthal. Saarbrücken: Iltis, 1992. 76p. ISBN 3-927613-24-X. 21cm. Krimnovelo situanta en la Francio de Luizo la Dek-kvara. 20,70 gld.

**Infero en aŭtuno.** Bernard Golden (1925). Debreceno: Debrecena Bulteno, 1993. 46p. 21cm. Krimromaneto pri ama plurangulo. 7,20 gld.




**Izolulo. Osamljenik.** Div. aŭtoroj. Red. S. Štimec. Zagreb: IKS, 1993. 161p. ISBN 953-96010-0-2. 21cm. Nuntempaj kroataj poemoj en la originalo, en E-o, kaj en traduko de e-istoj al 14 pluaj lingvoj. 23,40 gld.

**Knabino estas mia, La.** Nzaniye B. Jessé Le-Prince (1960). La aŭtoro, 1994. 52p. 21cm. La unua E-teatraĵo el Afriko, de burundia aŭtoro, pri edzinigo de belulino. 5,10 gld.

**Kompletige al la lernolibro.** Bernard Golden (1925). Debrecen: Scienca Univ. "Lajos Kossuth", 1990. 70p. 21cm. 25 artikoloj, aperintaj en 22 revuoj, pri lingvaj demandoj. 12,00 gld.

**Kybernetische Pädagogik. Klerigkibernetiko. Schriften 1962-1992. Band 7.** Helmar Frank (1933) k.a. San Marino/Praha: Akademia Libroservo/ Kava-pech, 1993. 1088p. ISBN 80-901335-3-3. 21cm. Kolektitaj publikigaĵoj de la aŭtoro. 78,00 gld.

**Lingvo Internacia esence estas konvencio, La.** Ŝulco Rikardo (1906). Paderborno: ECP, 1993. 16p. ISBN 3-922570-76-3. 21cm. 5,40 gld.

**Mi ludas, revas.** Nevenka Tomiĉ. Skopje: Makedona E-Ligo, 1993. 40p. 20cm. Dulingva: E-makedona. 15 originalaj poemoj de plurfoja gajnintino en la konkurso Ivo Rotkvić. 4,80 gld.

**Nevidebla rivero.** Todor Ĉalovski (1945). El la makedona trad. Nevenka Tomiĉ. Skopje: Makedona E-Ligo, 1991. 56p. 20cm. Sonetoj, prozpoemoj kaj aliaj poeziaĵoj. 5,10 gld.




**Oni ne pafas en Jamburg.** Mikaelo Bronŝtejn (1949). Moskvo: Impeto, 1993. 132p. ISBN 5-7161-0004-X. 20cm. La aŭtoro de *Legendoj pri SEJM* rakontas en eventoplena, vigla romano pri la sovetia junulara E-movado en la 70-aj jaroj. 15,00 gld.

**Problemoj de la junularo hodiaŭ, La. Diagnozo kaj recepto de la Sinjoro Jesuo Kristo.** Ursula Richter. Paderborn: la aŭtoro, 1986. 32p. 21cm. 5,40 gld.

**Raviĝoj** (1992). El la makedona trad. Tatjana Ropajkova. Skopje: Makedona E-Ligo, 1993. 64p. 20cm. Poemaro, "kortuŝa sublimigo de l'ekologio". 5,40 gld.

**Rememoroj de centprocenta esperantisto.** Aleksandr Saĥarov (1865-1942). Moskvo: Impeto, 1993. 198p. ISBN 5-7161-0003-1. 20cm. Rerigardo de rusa pioniro al sia E-vivo inter 1903 kaj 1921. Verkita ĉ. 1940. 15,00 gld.

**Tagmeza songô.** Branko Cvetkoski (1954). El la makedona trad. Nevenka Tomiĉ. Skopje: Makedona E-Ligo, 1993. 55p. 20cm. Dulingva: E-makedona. 22 poemoj. 5,10 gld.

**Wörterbuch Deutsch-Esperanto.** Erich-Dieter Krause. Leipzig k.a.: Langenscheidt, 1993 (2-a reviziita eld.). 591p. ISBN 3-324-00290-7. 20cm. Bind. Kun pli ol 40 000 serĉvortoj. Unu el la plej kompletaj leksikologiaj verkoj en Esperanto. 58,80 gld.

**DIVERSAĴOJ**

**Insignopingloj:**

**N-ro 1.** Arĝenta, kun la jubilea simbolo. 21,90 gld.

**N-ro 2.** Arĝenta, kun la jubilea simbolo kaj verda stelo. 24,90 gld.

**N-ro 3.** Orumita arĝento. Kun la jubilea simbolo. 24,90 gld.

**N-ro 4.** Orumita arĝento. Kun la jubilea simbolo kaj verda stelo. 27,90 gld.

Ĉiuj kun sekurec-pintingo; diam. 13mm.

**Kravatteniloj:**

**N-ro 1.** Arĝenta, kun la jubilea simbolo. 33,90 gld.

**N-ro 2.** Arĝenta, kun la jubilea simbolo kaj verda stelo. 36,90 gld.

**N-ro 3.** Orumita arĝento. Kun la jubilea simbolo. 41,40 gld.

Ĉiuj: larĝo 55mm.

Ĉiuj pingloj kaj kravatteniloj: Amsterdam: Vega Design, 1993.

**Vidbendo: Viena ringo.** Reĝ. Roman Dobrzyński. Varsovio: Interpress, 1992. VHS-PAL. 20-minuta. Turisma gvidilo pri Vieno. 36,00 gld.

**MENDU ĈE LA LIBROSERVO DE UEA,** Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Bonvolu atenti ke al ĉiuj netaj prezoj de libroj sendotaj al adresoj en la Eŭropa Unio aldoniĝas 6%, al tiuj de diskoj, insignoj k.s. 17,5% pro la aldonvalora imposto. Al ĉiuj netaj prezoj aldoniĝas 10% por sendokostoj. Minimumaj sendokostoj estas 5 gld. Antaŭdankon pro via mendo!

*Libroservo:*

# Kreska malkresko

Malkresko signifis kreskon por la Libroservo de UEA en 1993. La vendosumo estis 240 073 gld., t.e. 5% malpli ol en 1992, sed la neta profito atingis, per 16%-a kresko, 94 125 gld. (post subtraho de la kostoj, ekz. tiuj de la nova librokatalogo kun ĉ. 3200 titoloj, mendebla kontraŭ 9 gld. plus sendokostoj). Tio devenas de pli granda proporcio de unuopaj, senrabataj vendoj kaj de granda debito (ĉ. 10 000 gld.) de brokantaĵoj. La ŝrumpo de pograndaj vendoj supozeble indikas ke ĉiuj E-libroservoj vendis grave malpli en 1993 ol en 1992. Ni esperu ke la nova katalogo inversigos tiun evoluon.

Simile al la kvanto de 27 titoloj en 1992, pasintjare 28 libroj okupis la dudek pintajn lokojn sur niaj du sukceslistoj. La dekstra tabelo montras la preferojn de ĉiuj niaj klientoj kune (tiu listo do indikas ankaŭ grandkvantajn mendojn de aliaj libroservoj), dum la maldekstra listo termometras la individuan aĉetemon.

Ne mirinde ke la propraj eldonaĵoj de UEA alte lokiĝas en ambaŭ kolumnoj. Tamen, ni aparte menciu la rapidan ekvendiĝon de la freŝe reeldonitaj *Faktoj kaj fantazioj* de Boulton kaj *Esperantaj sinonimoj* de Ojalo (la unua, el 1984, estis elĉerpita, dum la alia neniam estis vaste havebla), kaj de la dua prozaĵo de la notinda togolanda aŭtoro Gbeglo Koffi, *De vilaĝo al ĉefurbo*. Parenteze, ni ĵus ricevis la unuan E-teatraĵon el Afriko, *La knabino estas mia*, de la burundia Nzaniye B. Jessé Le-Prince (vd. "Laste aperis"). Ĉu ĝi atingos similan sukceson?

Duono de la surlistaj eldonaĵoj furoris jam en la antaŭa jaro (la tiaman lokon vidu interkrampe), dum la ceteraj, aperintaj en 1992 kaj 1993, atingis la merkaton lastatempe. La kelkaj esceptoj, inter ili *La vivo de la plantoj* de Neergaard el 1957, aĝas veterane: ĉi tiuj Stafeto-eldonoj, ankoraŭ disponeblaj ĉe UEA, trovis posedanton pro la kvar sukcesaj reklamkampanjoj kiujn ni realigis en 1993, kaj pro anoncoj en *Esperanto*.

La plej aĉetataj aŭtoroj montriĝas Piron, Zamenhof kaj Auld, kun po du titoloj en la listoj (Auld kiel redaktoro) kaj vendoj el siaj *kvin* plej sukcesaj titoloj je resp. 451, 309 kaj 255.

Interese ke preskaŭ duono de la "unuopaj" sukcesoj plie vendiĝis individue ol per pli grandaj mendoj (ekz. *Rikolto* kaj *La majstro kaj Margarita*). Ĉu pro la amplekso kaj prezo de tiuj volumoj la libroservoj ne emas riski?

Ni povus ludi kun la ideo starigi apartajn listojn laŭ ĝenroj. Tiam, por doni kelkajn ekzemplojn, poezie pintus la *Antologio* (40 entute), *Libro de amo* (32) kaj *Ibere libere* (31). Ĉe romanoj gajnus *Winnie-la Pu* (123), *Tartarin* (90) kaj *Lasu min paroli plu!* de Piron (71). Muzikaĵojn monopoligus Kajto, kies tri kasedoj/kompaktdiskoj vicus jene: *Procesio multkolora* (60), *Kajto* (52) kaj la freŝega *Tohuvabohuo* (jam 41).

Post ludo, jen veto. Se mi devus prognozi la sukcesojn de 1994, mia subjektiva juĝo flustrus espereme ke la originalaj *Oni ne pafas en Jamburg, Poemo de Utnoa, Sferoj 8*, la tradukita romano *Tirano Banderas* kaj *La Respubliko* de Platono, la bedaŭrinde aktualaj *Kroata milita noktlibro* kaj *Rakontoj pri Sarajeva sieĝo*, kaj la klasika angla lernilo *Step by step in Esperanto* de Butler havas ŝancon enŝoviĝi al la listo. Kontrolu post unu jaro.

**István Ertl**

UNUOPAJ VENDOJ

| | | |
|---|---|---|
| 38 | Pocket Esperanto Dictionary, A. McLinen | 28,50 gld. |
| 36 | Rikolto, J. Régulo | 90,00 gld. |
| 35 | Grand Dictionnaire Français-Espéranto, J. Le Puil–J.P. Danvy | 93,00 gld. |
| 35 | Faktoj kaj fantazioj, M. Boulton | 36,00 gld. |
| 33 | Proverbaro esperanta, L. L. Zamenhof | 18,00 gld. (4) |
| 32 | Esperantaj sinonimoj, J. Ojalo | 15,00 gld. |
| 31 | Vojaĝo en Esperanto-lando, B. Kolker | 30,00 gld. |
| 31 | Al nova internacia lingvopolitiko, E-dokumento de E. Symoens | 7,20 gld. |
| 29 | Pasporta Servo | 24,00 gld. (1) |
| 29 | Esperanta antologio, red. W. Auld | 60,00 gld. (15) |
| 29 | Ĉu li venis trakosme?, J. Valano | 18,00 gld. |
| 29 | Libro de amo, "P. Peneter–G.P. Peneter" | 21,00 gld. |
| 29 | Jubileo, red. M. Fettes | 57,00 gld. (11) |
| 28 | Nova Esperanta krestomatio, red. W. Auld | 57,00 gld. (2) |
| 27 | Winnie-la-Pu, A.A. Milne | 27,00 gld. (6) |
| 26 | Estiĝo de la tero kaj de la homo, L. Tell | 9,00 gld. |
| 25 | La vivo de la plantoj, P. Neergaard | 15,00 gld. |
| 25 | Originala Esperanta bildvortaro, S. Chaves | 16,50 gld. (8) |
| 25 | Fundamenta krestomatio, L.L. Zamenhof | 48,00 gld. (3) |
| 24 | La Majstro kaj Margarita, M. Bulgakov | 36,00 gld. (14) |
| 24 | Procesio multkolora, kompakta disko kaj kasedo de Kajto | 25,80/19,50 gld. |

VENDOJ ENTUTE

| | | |
|---|---|---|
| 260 | Pasporta Servo | 24,00 gld. (3) |
| 248 | Faktoj kaj fantazioj, M. Boulton | 36,00 gld. |
| 216 | Gerda malaperis!, C. Piron | 7,20 gld. (4) |
| 175 | De vilaĝo al ĉefurbo, G. Koffi | 8,10 gld. |
| 164 | Saluton!, A. Childs-Mee | 24,00 gld. (7) |
| 130 | Al nova internacia lingvopolitiko, E-dokumento de E. Symoens | 7,20 gld. |
| 128 | Esperantaj sinonimoj, J. Ojalo | 15,00 gld. |
| 123 | Winnie-la-Pu, A.A. Milne | 27,00 gld. (1) |
| 117 | Originala E-a bildvortaro, S. Chaves | 16,50 gld. (9) |
| 111 | Nova E-a krestomatio, red. W. Auld | 57,00 gld. (2) |
| 107 | Proverbaro E-a, L. L. Zamenhof | 18,00 gld. (16) |
| 107 | Plena Analiza Gramatiko de E-o | 48,00 gld. (10) |
| 106 | Vivo de Zamenhof, E. Privat | 18,90 gld. (17) |
| 90 | Tartarin de Taraskono, A. Daudet | 18,00 gld. |
| 90 | Perkomputila tradukado: La revo kaj la realo, E-dokumento de D. Maxwell | 4,80 gld. |
| 88 | Pocket E-o Dictionary, A. McLinen | 28,50 gld. |
| 86 | E-o: language, literature, and community, P. Janton | 29,70 gld. |
| 85 | Fund. krestomatio, L. L. Zamenhof | 48,00 gld. (6) |
| 79 | Esperanto for beginners, M. C. Butler | 1,80 gld. |
| 74 | Tendaraj tagoj 2, S. MacGill | 15,00 gld. |



# Recenzoj

## En barko kunpilota

**Ŝirpecoj (anstataŭ monumento).** Christian Declerck. Antwerpen: FEL, 1991. 168p. 21cm. 23,40 gld.

La nomo de Christian Declerck estis al mi apenaŭ konata. Verdire, pri li mi sciis nur ke li atencis du romanojn de Dorval, enŝovante dum revizio proprajn kaj alies (precipe Piĉajn) neologismojn, eksterlokajn kaj ekstertempajn. La poemaron do mi aliris kun ia misaŭgura antaŭsento pri kapricemo, kiun tamen mi devis baldaŭ formeti, konstatinte ke miamane kuŝas ne simpla verskolekto, sed aŭtenta oceano da poezio . . .

Sian poetivon Declerck proponas al ni kvartajde. La unua impresas kiel apenaŭa huleto, leĝera kaj efemera, eĉ iom sensala. Fakte, temas pri nuraj etudoj, pli-malpli primitivaj, kiajn oni kutime ne eternigas volume, escepte se temas pri eldono de *opera omnia*, en luksa jaketo, kun ekzegezaj notoj kaj similspecaj sagacaĵoj . . . Ĉi-ere emfazindas nur dupaĝa poemo pri masturba sperto, kie la aŭtoro kunstebas du pratekstojn el 1963 kaj ilin travestias laŭ siaj nunstilaj kleoj, fasonante tamen nekoheran domenon.

Sekvas la dua ondo, longa kaj lanta, sur kiu la bardo navigas jam memstare, lerte manovrante la rudron de kresĉenda poetiko, ankoraŭ iom plata laŭforme, sed vortica laŭsente. Ĉi-fluse, sub la formo de hazardaj leter-fragmentoj (ŝirpecoj), Declerck ekboardas propran universon poezian, kiun li kunplektas el sperteroj, iamaj kaj nunaj, realaj kaj revaj, karnaj kaj karmaj, ĉar ĉiajn egalige traktas la privilegia menso de vera poeto, ne konanta limojn nek barierojn esprimajn aŭ sensacajn. La poezio de Declerck, kies veraj konturoj eksenseblas ĉi-tajde, ŝvebas entute kiel kompleta kaj totala himno al la Virino, kiun li levas idolo kaj modelo, matrico kaj krisolo, ne laŭ maniero Petrarka aŭ precioza, sed per vulkanaj priskriboj de ŝia diigita sensualo, kiucele li proprigas al si kaj konsekvence uzas plastikan, eferveskan, bunt-epitetan, suk-likan, ekscitan kaj enorman Esperanton.

Evidente iuj harfendemuloj, kiuj disfoje el siaj kabinetoj periskopas la pulson de nia poeziejo, ne maldegnos enciklikі pri tiea aŭ maltiea peko kontraŭ la dogmoj de la Parnasalo . . .

La dua ondo tamen ne povus sendige flui, ĉar la poezia formo ĉi-parta, intence monotona, riskus transiri la randon de enuo. La aŭtoro tion perceptas ĝustatempe kaj sin lofas al la sekvaj surfoj, lastaj kaj drastaj, kiuj verdire kunŝaŭmiĝas en unusolan trombon, homogenan, impetan, iel apoteozan kaj klimaksan. Ĉi-finale Declerck eksponas pintojn de poeziaj maturo kaj rafino. La poemoj akiras formojn pli solidajn kaj vastpaletrajn. La amoro (oro de la amo, laŭ lia difino), trafluanta la tutan verkon, iĝas la akso ĉi-era, servate de lingvaĵo pli-pli eskvizita sed samgrade palpitacia. Daŭras la apologio pri la Virino, pri ĉiuj korperoj ŝiaj, kerne de svaga apologetiko pri libera amoremo, kies limojn traceu nur la amo, laŭ ekskluziva homa skalo:

*Ni la kreantoj estas de ni mem – ne Di'! –*
*de nia mem-imag', de nia loĝinsulo.*

Ne nur la Virinon la poeto sorigas alten, sed eĉ la koncepton pri Amoro mem. Ĉiu strofo legiĝas kiel vera odo al la *Ars amandi*, kaj eĉ amoraĵojn longe repudiatajn de moralistoj li sukcesas aŭreoli per lirikaj salvoj delikat-esprimaj. Se doni ekzemplon, la poeto kapablas literature rehonorigi la frandzon (kiun sinsekvaj prudulaj generacioj traktis aĉa bordelaĵo), asignante al ĝi laŭmeritan lokon inter la plej belaj kaj sinceraj omaĝoj fareblaj al la virina korpo. Lian versemon povas bridi nur la limoj de la lingvo mem, ne nepre de Esperanto, sed eĉ de la homa parolo ĝenerale, kiu drame postrestas la viglon de poeta menso:

*Ha! Papero nur! Parolinert'!*
*Presinka monopol'.*
*Nur bridoj, baroj al agem' kaj volo.*
*Interpunkci' rigora: strangol'*
*al vivospir'! Viv' sub banderolo.*

## Bukedo sen banto

**Mi ĉiam tia rememoru vin. Antologio de bulgara ampoezio.** Trad. A. Grigorov, G. Mihalkov, V. Mitev k.a. Sofio: Pres-Esperanto, 1992. 112p. 21cm. 16,50 gld.

Antaŭ mi poemoj de kvindeko da poetoj, inter kiuj sep virinoj. Elektis ilin Venelin Mitev, bulgaro; redaktis la kolekton István Ertl, hungaro. Jam tuj la antaŭparolo kaj kvin popolkantoj iom elrevigas. Mia unua seniluziiĝo nur duonvoje ekmalaperis, tamen plene vanuis ĉe relego de la libro. Ĝin kaŭzis la sento, ĉe multaj poemoj, ke ili estas tradukitaj: io mankas, io malglatas. Plurloke la rimoj tirane tordas kaj torturas la versojn kaj iafoje falsas la sencon de la frazoj. Ja, tradukita poezio malofte atingas la nivelon, la altojn de niaj originalaj pintverkoj. Mi dubas ĉu prave la kunmetinto malkonsideris certajn rimarkojn kaj proponojn de la redaktoro.

Ĉu paradokse diri ke la antologio gajnus valoron per drasta ellaso de tro naivaj, banalaj, malnaturaj kaj senartaj, nespontanaj kaj sincermankaj tekstoj? Kelkaj "fabeloj" estas tiel sentimentalaj ke ili impresas plorinde ridindaj. Aliaj, akcepteblaj, tamen rigidaj (p. 14) aŭ sensangaj (p. 31), efikas tede.

---

Entute, ĉi tiun flandron mi vidas poeto modele Esperanta, moderna kaj originala, posedanta proprajn frekvencojn poeziajn, asidua niabeletre, enhejma ĉe la lingvo, kiun li manipulas artisme kaj pensere konstante rekreas. La fajnan resonancon ĉi-kolektan ne sukcesas dampi eĉ la galimatia postparolo per kiu la aŭtoro decidis nin regali, ne konsciante ke poetoj plejofte katastrofas sur la esea tereno, la plej malpoezia . . .

**Gonçalo Neves (Portugalio)**

*Ars amandi* (latine) = la arto ami (alude al la poeziaĵo *Ars amatoria* de Ovidio)
*frandzi* = buŝkaresi piĉon (*Parnasa Gvidlibro)*
*opera omnia* (latine) = kompleta verkaro
*Parnasalo* = Parnasa Gvidlibro

La unuaj du freŝaj tekstoj aperas sur paĝoj 15-17. Belaj estas multaj el la poemoj, malgraŭ kritikeblaj detaloj. Pri kelkaj iom pli: *Amo*: interesa temo, kvankam naiveta, sed formo iom perfortita. Komparu *Momento kaj eterneco* kun *Sen amo*: ambaŭ traktas iun kontrastecon, oponigas du malojn, sed kiel pli travivite sonas la dua! Tamen, "Ne plu estos mi malbona" estu: "Ne plu 'stos al mi malbone." La naivecon de *Kolomboj* emfazas mallerta vortelekto, rigideco pro rimserĉo (*nubar'/radiar'*) kaj la plendo ke homa amdoloro estas eĉ pli grava ĉar "ni ne povas flugi". Ĉu lastastrofe en *Kiom da superfluoj* ni ne legu "kiu kaŝis *min* de *vi*, karega"? *Edziĝofeste*: jen tute taŭgaj rimoj, kaj tamen plenviva, flua teksto. Ankaŭ *Virinoj*, odo al la supermaskloj, fluas nature; la rimvortoj sidas sialoke en la kunteksto; sed ĉu "ĝentilaj" estas la intenco? Aŭ "afablaj"? *La malfruinta*: bela, tute senornama, sincere honesta, prava kiel la vivo. Belas tamen ankaŭ tiu *Komisio*, tre simpla, sed kun strikta formo. Sed la liberforma *Kiam mi de tie ĉi foriros* same belas. *Mi apogeis pinte de l' juneco*: jen denove rimoj kiuj ne obstrukcas la versofluon. *Postamo*: ekstreme simpla kaj senartifika, tamen penetras en la veran vivon. *La virino Maria*: stranga, kurioza, sorĉe ĉarma poemo; same kiel *Knaboj* kaj *Dediĉo*, ĝi havas ion nekapteblan, sed nur unuavide/unuaaŭde, nur ĝis evidentiĝas la aludoj, la priseksaj metaforoj; ĝi fluas multe pli nature tamen, ĉar sen rimtrudo.

Konklude, jen kolekto de rekoneblaj vivspertoj trafe esprimitaj; pro diverseco de temoj kaj stiloj – larĝa kaj interesa ampoezia gamo, bela bukedo . . . en senbanta pakumo.

**Christian Declerck (Belgio)**



*"Okuloj viaj estas stelomaroj..."*
*(Peju K. Javorov)*

# Loke



### Albanio: Juna kursestro

En majo 1993 (p. 85) ni raportis pri Artur Doçi, 14-jara albana paŝtisto, kiu starigis E-kurson en sia vilaĝo. Poste li sukcese ekzameniĝis por la duagrada kurso ĉe Universitato Tirana. Eblas helpi lin per instruiloj: A. Doçi, Rrenz, Fushë Çidhen, Peshkopi. (*Heroldo*)

### Argentino: Kordoba omaĝo

Por festi la Tagon de la E-Libro, la Kordoba grupo JADE publike omaĝis en decembro la disvastigan kaj instruan laboron de Teresa Bellalta Cussó, Rossina de Zaninetti, María Luisa de Remorini, Agave Batica de Alcorta, Jaime Scolnik (la aŭtoro de *Sanon!*, vd. p. 45) kaj Alfredo Posadas. (A. Orellana Rojas)

### Ĉinio: Memore al Mao

Memore al Mao Zedong, pli ol 30 Pekinaj e-istoj kunvenis ĉe Ĉina E-Ligo la 25-an de dec., tagon antaŭ la 100-a datreveno de lia naskiĝo. Mao skribis salute al E-ekspozicio en 1939: "Mi ankoraŭ tiel opinias ke Esperanto estas lerninda kaj lernenda, se oni ĝin uzas por vera internaciismo kaj revolucio." (Wang Hanping)

### Francio: Sorobanu somere

Kimie Markarian gvidis grandsukcesan kurson pri sorobano (japana kalkulilo) pasintan someron en Grésillon; ŝi revenos tien inter la 14-a kaj 18-a de aŭg. por plia kurso. Kiel jam detalite (dec., dorspaĝo), la somera programo (Kultura E-domo, FR-49150, Grésillon) entenos kvin periodojn kun diversaj aktivaĵoj.

### Germanio: GEJ plu Berlin-centre

La Berlina oficejo de Germana E-Junularo translokiĝis fine de oktobro al Chausseestr. 8, DE-10115 Berlin. Same urbocentra kiel la antaŭa GEJ-ejo, la loko estis inaŭgurita per koncerto de Kajto. Oni povas fari viziton eĉ dumtage (profesie deĵoras tie Katja Ribold). Tel. +49/30/283-43-20. (*GEJ-Gazeto*)

Inter la 3-a kaj 5-a de dec. organizanto Michael Behr kaj Lepsikaj e-istoj revigligis JAZAF (Jarfina Zamenhofa Festo), kiu estis tradicia en la 80-aj jaroj. Naŭ homoj (i.a. la geedzoj Blanke, Annsibyll Kamphausen, Erich-Dieter Krause kaj Ronald Lötzsch) faris 11 prelegojn pri lingvopolitikaj kaj aliaj temoj. (*E-Aktuell*)

### Italio: E-raporto ĉe la ministro

La E-komisiono de la itala edukministerio (vd. 1993, p. 199) finis sian laboron en decembro kaj prezentis al la ministro raporton kun pluraj konkretaj proponoj favoraj al la e-ista vidpunkto. Nun la ministro devos taksi ilin kaj procedi laŭe.

La 22-an de februaro, dum manifestacio de la Radikala Partio, la vicministro Matulli akceptis ties delegitaron. Li emfazis ke la ministerio diskonigos en ĉiuj lernejoj la rezultojn de la komisiono, kaj faros pluajn paŝojn por ebligi aldonon de E-o al la kvar lingvoj nun instrueblaj en elementaj lernejoj.

### Japanio: Varbi kunlabore

Japana E-Instituto (JEI) komencis membrovarban kampanjon – por si kaj por UEA. Kun ĝi kampanjas Kansaja Ligo de E-Grupoj. "Rilatoj inter diversaj organizoj en Japanio estas

lastatempe pli kaj pli intimaj, dum JEI fariĝas pli iniciatema, eliĝanta el sia tradicia modesta sindetenemo" — raportas *La Revuo Orienta*.

Lastatempe turneis tra Japanio la geedzoj Blanke kaj Sergej Kuznecov, prelege, kaj Galina Staneŝnikova kun sia filino Polina, muzike.

## Nordio: Forumo pri virinoj

Oni atendas c. 10 mil partoprenantojn al Nordia Forumo kun la temo "Vivo kaj laboro de virinoj — ĝojo kaj libereco" inter la 1-a kaj 8-a de aŭg. en Turku (Finnlando). Inter la ĉ. 500 aliĝintaj grupoj el ĉiuj landoj de Nord-Eŭropo troviĝas la E-societo de Turku (Puutarhakatu 26 A 11, FI-20100), kiu starigos ekspozicion kaj aranĝos prelegon pri la rolo de E-o en pliigo de lingva egaleco kaj defendo de minoritataj kulturoj. La E-societo atendas e-istojn ne nur el nordiaj landoj kaj helpos pri loĝado.




## Hungario: Kotizo kreskas, kurso kontinuas

Malgraŭ la forte kreskinta kotizo de tia kurso, 21 homoj aliĝis al la tradicia 5-taga superintensa E-kurso (vd. 1993 jul-aŭg., p. 138) en Göd inter la 19-a kaj 24-a de nov. Instruis du kursestroj, tri grupestroj, kaj du eksterlandaj e-istoj: Terezija Kapista el Jugoslavio kaj Morteza Mirbagian el Irano. (Surfote: porokazan version de *Pro Dio, nur ne esperantiston!* de Karl Minor aktoras kursestro Péter A. Rados, grupestroj László Vizi kaj Mária Rados, kaj Mirbagian.) La 9-an de okt. kaj la 19-an de feb. okazis ankaŭ t.n. Tutlandaj Fiŝtagoj, por plu kontaktigi la kursfinintojn kun E-o.

## Pollando: Gliwice vokas

E-istoj el Gliwice (P.Z.E, skr. poczt. 21, PL-44-101 Gliwice) serĉas kontaktojn kun e-istoj el Dessau (Germanio), Doncaster (Anglio), Nacka (Svedio), Salgótarján (Hungario) kaj Valenciennes (Francio), ĝemelurboj de Gliwice. Ili ankaŭ petas helpon de E-filatelistoj, rekompencotan, por prepari ekspozicion en majo.

## Rusio: Peterburga instruado

Kadre de propedeŭtika eksperimento kunordigata de Ludmila Titova, E-instruado okazas, dum la lernojaro 1993/94, en tri Sankt-Peterburgaj lernejoj. En la proksima urbo Tiĥvin la asocio Ekologio kaj Edukado, kiu konsideras E-on "ekologie pura lingvo", donas lokon al Aleksandr Kogan, ĉe kiu lernas instruistoj de la kolegio Espero kaj du infanaj grupoj. (*Rusa E-isto*)

# Fake




## Amikeco: 25-jara semajno

La Internacia Semajno de Amikeco, kiu okazas ekde 1969 — pro iniciato de Erik Carlén, tiama vicprezidanto de UEA —, ĉiam dum la lasta plena semajno de februaro, estis deklarita de urbestroj Richard M. Daley kaj A. Vansina en Ĉikago (Usono), resp. Loveno (Belgio).

## Eŭropa agado: Franca peticio

Je la iniciato de Christian Rivière, la Kultura E-Centro de Nantes kolektis 3378 subskribojn kaj dudekon da apog-leteroj por peticio, sendita al la Eŭropa Parlamento. Ĝi alvokas al pristudo de la nuna lingva komunikado en Eŭropo, rekono de E-o en EU-landoj, ĝia uzo en kutime plurlingvaj kuntekstoj kaj ĝia instruado ekde bazlernejo.

## Fervojistoj: Plua provperiodo

Dum dujara provperiodo Esperanto funkciis kiel tria laborlingvo de la 150-mil-membra FISAIC (Internacia Federacio de Artaj kaj Intelektaj Asocioj de Fervojistoj). Ĝia prezidantaro decidis en oktobro plilongigi la provperiodon per tri jaroj. Por firmigi la prestiĝon de E-o ĉe FISAIC, la estraro de Internacia Fervojista E-Federacio instigas al intensigo de la interrilatoj. La ĉefa FISAIC-kontaktulo de IFEF estas la kasisto Henning Hauge (Banegaardspladsen 14/1, DK-9700 Brønderslev, Danlando). (*Internacia Fervojisto*)

## Filatelo: Ĉeĥio kaj Ĉinio

La loka poŝtoficejo jam propagandas la venont-julian SAT-kongreson en Strážnice (Ĉeĥio) per porokaza afranka stampo. Detaloj: OKK, Pk. 36, CZ-69662 Strážnice. (V. Hasala)

Lastatempaj E-poŝtostampoj en Ĉinio: "La 60-a prezent-datreveno de la devizo Per Esperanto por la liberigo de Ĉinio" (10 sept.), "La deka mort-datreveno de Tikos, la torĉtenanto de la ĉina Esperanto-movado" (6 nov.), je la naskiĝ-datrevenoj de Guo Moruo (la 101-a, 16 nov.), de Mao Zedong (la 100-a, 26 dec., du diversaj), de Xu Shouzhen-Eltunko (la 80-a, 1 feb.) kaj de Deng Yingchao (la 90-a, 4 feb.). Informas Ĉin Kajĝi, Filatela Societo de Pekina E-Asocio, Guanyuan 2-7-201, CN-100034 Beijing.

## Handikapuloj: Agi internacie

Internacia Klubo de E-istoj-Handikapuloj (Soukenická 58, CZ-27401 Slaný, Ĉeĥio), kiu havas membrojn en 15 landoj, ricevis ministerian aprobon por ekagi kiel internacia

neregistara organizo. IKEH-ano povas fariĝi ĉiu handikapulo, individue aŭ kolektive, kiu regas E-on kaj konsentas kun la statuto de IKEH. (*Informilo*)

**Informado: Varbe al similcelanoj**

En la novembra numero de la internacia alternativa debatrevuo *Newsletter* (subtitolo: "La internacia komunik-projekto"), kiu havas legatecon (5 mil ekz. en 117 landoj) similan al tiu de *Esperanto*, aperis la artikolo "Ŝanco por komunikado" de Ulrich Matthias pri Esperanto.




En la plej granda franclingva ĵurnalo de Ameriko, *La Presse* (Montrealo), la 16-an de februaro aperis tutpaĝa kompilaĵo pri E-o ("Vortoj de paco defias militminacon") kun granda kolora foto de aktivulo Normand Fleury (ĉi-supre) antaŭ breto plenega de buntaj E-libroj.

La ĉeĥa familia gazeto *Naše rodina* ekpublikigis E-kurson de Josef Cink. (*Starto*)

Dum unu monato, po unu fojon semajne, Atilio Orellana Rojas estis intervjuata en Bonaera (Argentino) televidprogramo pri la historio kaj nuntempa uzado de Esperanto.

**Instruado: Norvega radiokurso**

Norvega E-ista Fervojista Asocio kaj la klubo Norda Stelo en Hamar aranĝis la disaŭdigon, inter la 1-a de nov. 1993 kaj la 22-a de apr. 1994, de 18-leciona E-kurso por komencantoj (de Jon Rømmesmo) ĉe tri lokaj radiostacioj, kiuj atingas la plejparton de la ĉ. 185 mil loĝantoj de la gubernio Hedmark. (*Norvega E-isto*)

**Komunikado: Kunordigu komputile**

Post flanka rimarko de la usona komputika revuo *PC Week*, laŭ kiu "Esperanto fiaskis, ĉar neniu lernis ĝin", aperis replike eĉ tri leteroj de Jürgen Wulff (estro de Komputila Rondo), Don Harlow (prezidanto de E-Ligo por Norda Ameriko) kaj Miko Sloper (estro de la Centra Oficejo de ELNA). En ĉefartikolo de *EsperantoUSA*, Don Harlow instigis al plia uzo de komputilaj retoj kaj telekopiiloj en E-ujo, i.a. por rapide kunordigi tiajn reagojn.

**Medi-protekto: Insektoj el Ĉinio**

*Pollichia*, revuo de germana naturesplora kaj -protekta asocio, aperigis 4-paĝan tradukon de Helga Erhard el la popular-scienca libro *Ĉinio marŝas en insekta mondo* (1986) de Io Chou.

En la oficiala publikigaĵo *Kennis voor Morgen* ("Scioj por morgaŭ") de la nederlanda Konsilantaro pri Medi- kaj Naturesploro aperas resumo de la enhavo en tri lingvoj: nederlande, angle kaj — dank' al Bert de Wit — en Esperanto.

**Radio: Skribu al Havano**

Radio Havano (E-Redakcio, ap. 6240, La Habana, Kubo), kiu en 1993 fariĝis kvinjara, petas poŝtkartan subtenon por la elsendoj, ĉar la kvanto de E-korespondaĵoj lastatempe malkreskis.

Estis decidite ke la loke kapteblaj, unuhoraj E-elsendoj de Radio FMR (vendrede, 16.00-17.00 laŭ loka tempo, je 89,1 aŭ 94,2 MHz) en Tuluzo daŭros min. kvin pluajn jarojn. E-redakcio: 9 bis av. Frédéric Estèbe, FR-31200 Toulouse, Francio.

La japana radio NHK planas plilarĝigi sian servon por Eŭropo. Leteroj de e-istoj el diversaj eŭropaj landoj povus atentigi NHK pri la geografie vasta uzado de E-o kaj decidigi ties enkondukon en la elsendojn. Skribu al NHK-Tokyo, Ekstera Servo, Tokyo, JP-15001 Japanio.

**Solidareco: Novaj brakoj por Stanisław**

La pola junulo Stanisław Kmiecik naskiĝis sen brakoj. Tamen, antaŭ tri jaroj la germana ortopedia firmao Biedermann el la urbo Rottweil provizis lin per brakprotezoj — dank' al la perado de esperantistoj Karl-Heinz Schaeffer kaj Lothar Mahn. Kaj tiam kaj en 1993, kiam Stanisław revenis por post-operaciaj alĝustigoj, li loĝis kun sia e-ista patrino ĉe la familio Schaeffer. La kostokovra prezo de la artefaritaj brakoj estis pagita el kolektado inter e-istoj kaj Rottweil-anoj. (*E-aktuell*)

**Teatro: Ĉu trejniĝos trupo?**

Dum la seminario "Ni teatrumu", inter la 28-a kaj 30-a de jan. en la kolegio Barlaston (Britio), 17 personoj studis, helpate de teatra terminaro de Marjorie Boulton kaj Kathleen Hall, la unuaktaĵon *Dum tondras kanonoj* de Julio Baghy. Post rollego kaj analizo, oni preparis en du grupoj unu scenon por sonbenda prezentado, resp. surscenigo. Espereble, tiu semajnfino evoluos al trejnado de vera teatra trupo kaj stimulos E-aŭtorojn al dramverkado. (A.H. Lindsay)




**Tradukado: Ŝtimec japane**

Ĉe nemovada japana eldonejo aperis en 2 000 ekz. *Funebra salvo* de Spomenka Ŝtimec, tradukita plejparte el ŝia *Kroata milita noktlibro* fare de MORI Singo. La dua plej granda japana ĵurnalo *Asahi* (ok milionoj da ekz-oj) raportis pri la traduko en sia plej legata rubriko.

Ĉapitro el *Kroata milita noktlibro* estis voĉlegita nederlande (trad. Gerrit Berveling), fine de januaro, en Antverpena festivalo de Sarajevaj artistoj.

# Persone

## Hagège: Avantaĝo de Esperanto

La konata franca lingvisto Claude Hagège deklaris en lastatempa prelego ke "E-o estas konsiderebla, laŭ sia konstruo, kiel unu el la grandaj lingvoj de Eŭropo". Li opiniis pli favore ol antaŭe: "Laŭ mi, E-o estas unu inter aliaj solvoj [de la lingva problemo], kaj ĝin povus favori la serioza avantaĝo ke, kontraŭe al ĉiu alia lingvo kun ebla eŭropa rolo, ĝin ne antaŭas aŭ sekvas ia politika aŭ nacia devigo." (*SAT-Amikaro*)

## Rijkes: Sendu karton

La nederlanda Koos Rijkes estas la plej grave brulvundita transvivinta viktimo de aviadila akcidento en Portugalio, la 21-an de dec. 1992. Laŭ lia diro, la energion por resaniĝi donas al li la multaj esprimoj de kunsento. Inter tiuj estas, dank' al Constance Harvey (la e-ista bopatrino de lia frato), poŝtkartoj de e-istoj el la tuta mondo. Harvey esperas ke oni plu kuraĝigos la saniĝanton: s-ro Koos Rijkes, Weidemolen 45, NL-1703 TE Heerhugowaard, Nederlando.

# Oficiala informilo

NOVAJ DUMVIVAJ MEMBROJ
Japanio: Folkmaro Kolero. Usono: Roberto Burgess; Sandy Thacker.

NOVJORKA OFICEJO DE UEA
SUBTENANTOJ (minimume $25): Aŭstralio: Stan J. Bruton.
AMIKOJ (minimume $10): Usono: Pierre C. Jelenc.

PATRONOJ DE TEJO 1994
Belgio: Stella De Weerd. Italio: Clara Gubbioli Carioli. Japanio: Joel Brozovsky; Yosiki Tatumi. Kanarioj: Aurelio Solis y Pi; María Pi Maynar.

SOCIETO ZAMENHOF 1994
Britio: E.E. Mallett. Hispanio: Josep Franquesa Solé. Italio: Clara Gubbioli Carioli. Nederlando: W. C. Keizer. Svedio: Sten Axel Broman; Harald Andersson; Lennart Svensson; Nils Gustav Johansson.

DONACOJ 1994 (gld.)
ĝis la 31-a de januaro
**Fondajo Afriko:** Britio: B. W. G. Phillips 43,65. Japanio: H. Gotoo 110,45. Svedio: E. Swärd 23,75. Tanzanio: H. Gruner 600,00. Sumo ĉi-jara 777,85.
**Fondajo Canuto:** Nederlando: R. Slot 250,00. Japanio: (por aziaj e-istoj): A. Hosida 34,14; A. Itagaki 34,14; M. Iwai 34,14; H. Iwamoto 68,28; K. Kakehi 170,71; Y. Mizuno 68,28; Nagano-Esperanto-Kenkyukai 102,43; T. Nisikawa 85,35; Y. Sasaki 34,14; M. Takezaki 34,14; H. Tani 34,14; S. Yamasaki 34,14. Sumo ĉi-jara 984,03.
**Ĝenerala Kaso:** Britio: C.A. Field 29,10. Finnlando: I. Klemola 1060,87. Francio: J. Ducrocq 163,78; R. Lemaire 328,70; L. Marin 65;51; A. Tailpied 32,76. Germanio: H. Bily 143,26. Hispanio: L. Parada de Palacios 78,93. Italio: M. Lipari 270,01. Diversaj malgrandaj 16,78. Sumo ĉi-jara 2189,70.
**Konto Espero:** Francio: J. Ducrocq 327,56; L. Marin 65,51; A. Tailpied 32,76. Diversaj malgrandaj 9,83. Sumo ĉi-jara 435,66.
**Propaganda Konto:** Germanio: A. Putze 100,00. Sumo ĉi-jara 100,00.

**Al ĉiuj tre koran dankon!** UEA

**Komercadon** proponas: Kouablan International Co. Ltd., P.O.Box 3445, Accra, Ganao. Fakso +233/77/6030, tel. /77/2578, telekso 2775 Raybeg. Importas, eksportas, kaj reprezentas, peras.

**Komercisto de filatelaĵoj** proponas servojn kaj serĉas kontaktojn: Fu Guoqing, Dianjichang, 10 Chejian, Heilongjiang, Harbin, Ĉinio.

**E-istoj el Majorko** (Balearaj Insuloj) deziras kontakti samideanojn el aliaj mediteraneaj insuloj, por korespondi kaj interkonatiĝi. Majorka Esperantistaro, c/Santa Clara 2, 1er 1a, ES-07001 Ciutat de Mallorca, Hispanio.

63-jara polo **deziras korespondi kun ital(in)o** pri la italaj lingvo kaj moroj, socia politiko, ekonomiaj problemoj en Okcidenta Eŭropo ktp. Jerzy Lisowski, ul. Popławska 29, PL-06-102 Pułtusk, Pollando.

**Tarifo:** *Ĉiu vorto de la anoncetoj kostas 1,60 guldenojn (unu internacian respondkuponon). Pri ilia enhavo ne respondecas la redakcio. Ni donas nenian rabaton por la ripeto de anoncetoj. Por la tarifo de anoncoj, bonvolu vidi la kolofonon.*

# Anoncetoj

Jorge Tungakio Baveledi petas helpon por **dungiĝi kiel elektristo** ie ajn en la mondo. Li ankaŭ serĉas Esperantajn librojn pri teknikaj sciencoj, kasedojn, vortarojn kaj la evangeliojn. Skribu al li pere de Elf Exploration Angola, Barracuda – Soyo, Transcap/AMI, BP 10421, FR-95707 Roissy Cedex CDG, Francio.

**Du zairiaj bestkuracistoj** finstudis kurson kaj volas ekkorespondi pri sia fako, pri bredado, agrikulturo k.a. temoj. D-ro Bwenge-Mutabika A. kaj d-ro Nsabimana Bizagwira V., c/o Bangirahe, B.P. 172, Gisenyi, Rwanda (Ruando).

Preskaŭ plena **jarkolekto '93** de **EVENTOJ** haveblas kontraŭ nur 20 gld. ĉe la redakcio: pk. 87, HU-1675, Budapest, Hungario.

Cvjatko Todorov (Vladajsko Vastanie 20-2-43, BG-9701 Ŝumen, Bulgario), 55-jara edziĝinta teknikisto, E-societa sekretario, **dez. korespondi** pri ĉiuj temoj. Kolektas esperantaĵojn, poŝtmarkojn, bildkartojn.

Se vi volas ludi **ĉinan ŝakon** kun Esperanta klarigo, petu informon de s-ro Dian Ewen, Chengdu Dianqichang SC, CN-610083 Ĉinio.

***MALOFICIALE ANTAŬKONGRESU EN USONO!***

Elektu inter Esperanto-Klasoj kaj Ekskursoj:



***8-16 julio - Universitato de Hartford, Connecticut***

Prezidanto: d-ro Humphrey Tonkin
Instruistoj: Spomenka Štimec, William F. Orr, Boris Kolker
Proks. prezo: US$407 inkluzivas la klasojn, loĝadon en la universitato, du tut-tagajn ekskursojn al Novjorko kaj Bostono, piknikojn kaj programojn ĉe la universitato (manĝoj **ne** inkluzivitaj).

***9-15 julio - San Francisco Ŝtata Universitato***



Instruistoj: d-ro Duncan Charters, Stefan MacGill, Joachim Werdin
Proks. prezo: US$487 inkluzivas la klasojn, loĝadon en la universitato, tri manĝojn tage, ekskursojn kaj abundan programon ĉe la universitato.

**POST LA KLASOJ,** ĉiuj iru al la Usona landa kongreso de Esperanto en Sacramento, la ĉefurbo de Kalifornio. La programo inkluzivas prelegojn, distraĵojn kaj ekskursojn, finiĝas en San Francisco, el kie oni kune flugos al Seulo kaj la Universala Kongreso. La kongresa temo de la landa kongreso estas:

**VENU, VIDU, RIDU, ĜOJU INTER NI.**

***Legu en***

# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Monata organo de S.A.T.
Supertendenca Tutmonda Laborista Asocio

## artikolojn, debatojn, pri ĉiuj temoj kaj aktualaĵoj

Esperantistoj el Nord-Ameriko, Eŭropo, Oceanio, + Argentinio, Brazilio, Japanio, Ĉinio petu liston de perantoj kun abontarifo ĉe la SAT-Centro.

Por esperantistoj el aliaj Mezaj kaj Sud-Amerikaj landoj, Aziaj kaj Afrikaj, eblas ĝin aboni kontraŭ sendo de 20 internaciaj respondkuponoj al:

SAT, 67 avenue Gambetta, FR-75020 Paris.

# Flugkaravanoj al Seulo

**Korean Air (KAL), oficiala flugkompanio de la 79-a UK,** faris al UEA proponon kun tre favoraj tarifoj por flugoj el preskaŭ kiu ajn eŭropa urbo al Seulo kaj reen. KAL estas unu el la 20 plej grandaj flugkompanioj en la mondo. Ĝi havas modernajn aviadilojn kaj altrangan servon. Libere komparu la ĉi-sekvajn prezojn kun ofertoj de aliaj kompanioj, kaj vi certe trovos nian proponon alloga.

**AMSTERDAMO:** La flugoj iras ĵaŭde kaj dimanĉe vespere (kiel preskaŭ ĉiuj aliaj KAL-flugoj el Eŭropo) je 21h30, por atingi Seulon la postan tagon je 17h20. **Prezo: 1980 gld.**

**FRANKFURTO:** Marde, ĵaŭde kaj sabate. **Prezo: 2095 gld.**

**PARIZO:** Lunde, merkrede, vendrede kaj dimanĉe. **Prezo: 2095 gld.**

**LONDONO:** Lunde, merkrede kaj sabate. **Prezo: 2095 gld.**

**ROMO/ZURIKO:** Merkrede, vendrede (nur el Zuriko) kaj sabate. **Prezo: 2095 gld.**

**MOSKVO:** Marde kaj dimanĉe. **Prezo: 2095 gld.**

**EL ALIAJ URBOJ EN EU** (Ateno, Bruselo, Barcelono/Madrido, Dublino, Edinburgo, Kopenhago, Lisbono, Milano ktp) **tra Amsterdamo** (vd. supre): **Prezo: 2200 gld.** Tiu prezo inkuzivas du kunligajn flugojn al/de Amsterdamo per ajna alia flugkompanio! El la samaj urboj eblas flugi ankaŭ tra Frankfurto, Parizo, Londono, Romo, Zuriko kaj Moskvo. Prezo: 2320 gld. Ankaŭ tiu prezo inkluzivas du kunligajn flugojn de ajna alia flugkompanio.

**ALIAJ EŬROPAJ URBOJ:** Eblas flugi **tra Amsterdamo. Prezo: 2260 gld.** La prezo inkluzivas du kunligajn flugojn al/de Amsterdamo (ekz. el Budapeŝto, Helsinko, Oslo, Prago, Stokholmo, Varsovio, Vieno ktp). El la samaj urboj eblas flugi ankaŭ tra Frankfurto, Parizo, Londono, Romo, Zuriko kaj Moskvo. Prezo: 2380 gld. Ankaŭ tiu prezo inkluzivas du kunligajn flugojn.

Principe, necesas ekflugi de kaj reflugi al la sama eŭropa urbo. Tamen, tiurilataj esceptoj estas trakteblaj. Ne nepre necesas flugi grupe. Niaj tarifoj principe validas por ĉiuj KAL-flugoj en julio kaj aŭgusto.

**PLUFLUGOJ EL SEULO AL JAPANIO** (al kiu ajn el pli ol 10 japanaj urboj priservataj de KAL-flugoj) kaj reen eblas je konsterne malalta prezo de **nuraj 180 guldenoj.** Tamen, tiu prezo estas aplikebla nur al tiuj kiuj mendas unu el la longdistancaj KAL-flugoj el Eŭropo.

**KIEL MENDI LA FLUGOJN?** Jam aperis la Dua Bulteno de la 79-a UK en Seulo. Ĝi enhavas pliajn detalojn pri la flugoj kaj apartan flugmendilon. Se vi ankoraŭ ne aliĝis al la Kongreso kaj ŝatus havi tiujn detalojn, bv. skribi aŭ telefoni al la CO de UEA.

***Plej favorpreze al Seulo pere de UEA! Bonvenon al unu el niaj flugkaravanoj.***

**Noto:** UEA havas flugtarifojn de KAL ankaŭ el Aŭstralio (Sidnejo AUD 2022), Brazilo (San-Paŭlo USD 1537) kaj Kanado (Toronto CAD 1215; Vankuvero CAD 1080). Se vi trovas tiujn prezojn allogaj, bv. skribi al la CO de UEA.

En la nova UEA-Katalogo 1994, sur la paĝo 17, aperis malnova anonco pri IEI. Aktuala teksto devas esti jena:

**INTERNACIA ESPERANTO-INSTITUTO (I.E.I.)**
**Riouwstraat 172, 2585 HW DEN HAAG, Nederlando**
**Tel. ++31 703556677**
**Ĝirokonto en Poŝtbanko: 162626**
**AMRO-banko: konto 48.16.78.557**
**UEA-konto: iein-q**

I.E.I., fondita en 1930 de Andreo Cseh kaj gesinjoroj Isbrücker,

* popularigas la Cseh-metodon, organizante 3 gradojn de seminarioj (A, B kaj C) por profesiigi Cseh-instruistojn; la gradon B oni povas studi koresponde;
* edukas Cseh-seminari-gvidantojn;
* liveras (laŭpete) adresojn de diplomitaj Cseh-instruistoj por la tuta mondo;
* vendas la kurs-libron kaj helpmaterialon por tiu metodo, ankaŭ serion de videobendoj pri ĝi;
* vendas instrumaterialon de A. kaj T. Sekelj laŭ aŭdvida struktura metodo, por instruistoj kaj lernantoj; gvidas korespondajn kursojn laŭ ĝi;
* vendas Esperanto-librojn, Esperantaĵojn, brokantaĵojn, raraĵojn kaj malnovajn Esperanto-revuojn; por sendaĵoj al nepagipovaj landoj IEI eventuale faras specialan aranĝon;
* preparas TV-kurson por internacia uzo.

Petu la katalogon kaj la liston de libroj kun 33%-a rabato (laŭ tiu listo oni povas aĉeti 5 diversajn titolojn) ĉe la supra adreso. Bonvolu aldoni internacian respondkuponon.

De la Centra Stacidomo oni povas atingi I.E.I. per tramoj 1 kaj 9 aŭ aŭtobuso 22. Gastoj estas bonvenaj, sed ili nepre telefone anoncu sin antaŭe, por esti certaj ke iu el la deĵorantoj povos akcepti ilin.

Por povi aktivi I.E.I. bezonas firman financan subtenon, ĉar ĝi ne ricevas subvencion de iu ajn instanco. Ĝi ankaŭ ne havas membrojn kiuj pagus kotizon. Tial I.E.I. volonte akceptas financan subtenon de personoj, kiuj opinias ke la profesiigo de E-instruantoj estas necesa kaj apogenda. Tiucele ekzistas "Fonduso Andreo Cseh" kaj ĉiu el vi povas fariĝi apoganto de ĝi, sendante mon-sumon al unu el la ĉi-supre menciitaj kontoj kun la noto "donaco por Fonduso Andreo Cseh".

# per KONTAKTO al PIV!

*jes,* abonante *KONTAKTO* por 1994 vi havos la ŝancon gajni ***Plenan Ilustritan Vortaron de Esperanto***! TEJO lotumos ĝin inter ĉiuj abonantoj kaj junaj membroj en la 50-a IJK en Ch'onan, Koreio. Ankaŭ aliaj premioj atendas.

***Ne perdu ĉi tiun ŝancon!***

PLENA ILUSTRITA VORTARO DE ESPERANTO KUN SUPLEMENTO

**ABONTARIFO 1994**

| *Lando/valuto* | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 30 | Francio/franko | 125 | Nederlando/guldeno | 40 |
| Aŭstrio/ŝilingo | 240 | Germanio/marko | 37 | Norvegio/krono | 145 |
| Belgio/franko | 755 | Hispanio/peseto | 2100 | Pollando/guldeno | 19 |
| Brazilo/guldeno | 19 | Israelo/guldeno | 31 | Portugalio/eskudo | 2300 |
| Britio/pundo | 14 | Italio/liro | 29 000 | Svedio/krono | 160 |
| Danlando/krono | 150 | Japanio/eno | 2880 | Svislando/franko | 31 |
| Finnlando/marko | 115 | Kanado/dolaro | 27 | Usono/dolaro | 21 |